# REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* *№ 2 (99) aprilo 2017*




*en la numero*



***Moskvo, 2017***

# enhavo





dum APERo-11

**REGo**
(Rusia Esperanto-Gazeto)
№ 2 (99) aprilo 2017
aperadas ekde 2000

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

**abontarifoj por 2017:**
*por loĝantoj de Rusio – 850 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва
*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo “Яндекс.Деньги”
*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj*
*pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*
**elektronika abono** *– 400 rub. (10 eŭr.)*

## APERo-11: MANKIS NUR UNU!

Ho, ve! La APERa himno denove iom trompis en la refreno: “33 aperoj – nova renkontiĝ’”. Du aliĝintoj ne venis, kaj rezulte estis nur 32 partoprenantoj. Sed tio neniom nebuligis la antaŭprintempan humoron de la bonŝancaj ĉeestantoj. Tamen ni daŭrigu pri la statistiko – por rapide fini la formalajn informojn. Inter la 32 partoprenintoj estas 2 infanoj (2- kaj 12-jaraj), 10 gejunuloj sub-30-jaraj, 14 inoj, 18 malinoj, 14 MASI-anoj, 2 REU-estraranoj, 25 moskvanoj, 7 personoj el aliaj regionoj kaj 2 eksterlandanoj. La tuton organizis MEA MASI kun tri membroj en la Organiza Teamo: Irina Gonĉarova, Aleksandr Basov kaj Sofja Zareckaja kun aktiva helpo de la nova MASI-anino Alisa Zingerman kaj multaj aliaj programkontribuantoj kaj ĉionpatroprenantoj. Okazis 11 prelegoj, 7 diversspecaj ludoj, 5 artaj seancoj, 3 koncertoj. La specialaĵo de tiu ĉi APERo estis farado de animaciaj filmetoj, gvidata de Alisa Zingerman. La tradukistan konkurson gajnis Petro Fedosov.

Plu ni lasu paroli la APER-anojn.

***Irina Gonĉarova (Odincovo), fotoj de Marija Verzun (Uljanovsk)***

---

***<u>Petro Fedosov</u>,***

*12-jara lernejano, esperantistiĝis fine de 2015*

Komenciĝanta la 23-an kaj finiĝanta la 26-an de februaro, apud Zvenigorod (Moskva regiono), en la ripozejo “Jerŝovo” okazis la 11-a Esperanto-renkontiĝo APERo (AntaŭPrintempa Esperanta Renkontiĝo). Ĉiuj kolektiĝis vespere la 23-an de februaro. Post enloĝiĝo okazis la Solena Malfermo. Irina Gonĉarova salutis la ĉeestantojn, ni kantis la APERajn himnojn kaj ludis konatigan ludon. Fine de la tago Mikaelo Povorin organizis apudintelektan ludon “Diable, kio ĝi estas?”.

La temo de ĉi renkontiĝo estis “Metamorfozoj”. Pro tiu temo estis organizataj sufiĉe multe da prelegoj. Ekzemple, la 24-an de februaro Nikolao Gudskov faris tri prelegojn: “Metamorfozoj en la scienco”, “Metamorfozoj en lingvokonstruado” kaj “Metamorfozoj en Esperanto-movado”. Krome, okazis kelke da ludoj, el kiuj plejparton organizis Mikaelo Povorin, kaj unu – Jurij Karcev (temas pri “Kio? Kie? Kiam?”). Ankaŭ okazis Teatra kaj Poezia vesperoj (dank’ al Irina Gonĉarova) kaj tradukista konkurso, kiun organizis Larisa Ŝapoŝnikova.

Bedaŭrinde, mi ne vizitis antaŭajn APERojn; do mi ne povas kompari. Sed tiu ĉi, la unua mia APERo, vere estis brila! Dankon al ĉiuj partoprenintoj kaj multgrade al Irina Gonĉarova!

***Jurij Smirnov***

*ĵusa finlerninto de la E-kurso FaRo-48*

En la fino de februaro okazis la AntaŭPrintempa Esperanto-Renkontiĝo APERo-11. La temo estis "Metamorfozoj". Estis mia unua fojo kiam mi partoprenis en Esperanta renkontiĝo. Ĉiuj partoprenantoj devis paroli Esperante!

Mi timis, ke mi ne komprenos aŭ ne scipovos diri tion, kion mi volas. Sed mi komprenis Esperanton kaj parolas Esperante "elegante"! Mi estis kaj restis kontenta.

Ni ne havis liberan tempon, ĉar ĉiuj deziris viziti ĉiujn programerojn. Ni ludis multe, kaj ĉiuj ludoj estis tre interesaj kaj kognaj. Ni ankaŭ aŭskultis prelegojn de Nikolao Gudskov, Irina Gonĉarova, Julija Samsonova kaj aliaj. Ankaŭ la prelegoj estis tre interesaj kaj diskuttemaj. Mirinde, ke mi komprenis preskaŭ ĉion, kion prelegantoj diris. Tio estis malkovro por mi kaj ĝojigis min! Ni ankaŭ spektis kvar teatraĵojn kaj aŭskultis la koncertojn de Sergeo Straŝnenko kaj Mikaelo Povorin. Ĉio estis bonega, kaj mi deziras danki la organizintojn pro la renkontiĝo kaj interesa riĉa programo.

***Sofja Zareckaja***

*fininto de FaRo en 2015, membro de la Organiza Teamo de APERo-11*

Ĵus pasinta APERo ege ĝojigis min pro bonega amikeca etoso kaj nova sperto pri organizado! Ĉi-foje mi respondecis pri la programo, kaj mi tre fe-



liĉas, ke ĉiuj programeroj estis realigitaj. La programo enhavis prelegojn, ludojn kaj aliajn diversajn interesaĵojn, pro tio mi dankas ĉiujn kontribuintojn – viaj proponoj vere riĉigis nian APERon!

Mia la plej ŝatata programero estis "Faru vian propran animacian filmeton!", organizita de Alisa Zingerman kun grava teknika helpo de Aleksandr Basov. …Agrablas, ke pri APERo interesiĝas multe da homoj, kaj ĉiujare partoprenantoj venas el diversaj urboj, ne nur el Moskvo. Gravas, ke malgraŭ strikta lingva disciplino komencantoj kuraĝas veni kaj pretas ne krokodili. Karaj komencantoj, eĉ se vi silentas la tutan eventon, vi multe spertas kaj eklernas. Venu sentime: APERo ja estas por vi organizita! Dankon al ĉiuj pro la vica bonega MASI-evento!

***Julija Samsonova***

*Moskvo*

Por mi APERo-11 estis jam la sesa! Kaj ĉiam ĝi estas diversa. Multaj novuloj ĉiu-APERe kreas tute freŝan atmosferon. Kaj la ardaj gefanatikuloj de la aranĝo konstante aldonas ion interesan al la programo, krom ke ili estas garantio de perfekta amikeca etoso. Sed la strikta lingva disciplino – tio ĉiamas!

En APERo-11 mi plej ŝatis du partojn:

Estis por mi mirakla kaj escepte utila programero – farado de animaciaj filmetoj, gvide de plenentuziasma Alisa Zingerman. Ĉar tiu ĉi agado estas interaktiva, grupamikiga kaj rezultodona. Jen ni kune laboris – jen ni tuj havas utiligeblan rezulton de nia laboro.

Teatra vespero, organizita de Irina Gonĉarova, estas granda sukceso, ne pro tio, ke estis tre interese vidi konatajn homojn en nekonataj roloj nek pro tio, ke mi admiris ĉiujn aktorojn. Sed pro tio, ke teatra programo kontribuas al lingva fortiĝo, reguliĝo kaj noviga evoluo. Dum jarcentoj teatro restis la ĉefa platformo de normeca lingva uzado, kaj nepre Esperanta teatro ankaŭ devas sekvi tiun tradicion.

Mi resumas: APERo iĝas pli kaj pli krea. Kaj tio tre plaĉas al mi.

***Irina Gorodeckaja***

*Novoĉerkassk, E-Klubo "NovoĈek"*

Jen trapasis la semajno post la fino de APERo, tamen el mi ankoraŭ ne plene forvaporiĝis la konata sento "forpasis tagoj en fabelo, kutima vivo kaptas min". APERo estas tute aparta afero por mi, eĉ kompare kun aliaj E-aranĝoj.

Ĉi-jare mi partoprenis APERon la sesan fojon. …Jen denove nia kvina dometo, jam konataj kaj ankoraŭ nekonataj vizaĝoj, salutoj-interbrakumoj-konatiĝoj-demandoj… Tiu neripetebla gemuta etoso, kie harmonie mik-

siĝas seriozaj prelegoj kaj "porka orgio", disputoj kaj kantoj, rido kaj tristo, frenezaj ideoj kaj komunaj planoj, eksteraj aŭ enaj metamorfozoj, kiuj okazas al la homoj dum tiuj tagoj… APERo estas malgranda modelo de la mondo, por kiu revis kaj laboris Zamenhof: la homoj kun diversaj opinioj, vivpozicioj, politikaj vidpunktoj ktp kunvivas, interparolas Esperante kaj kunlaboras pace kaj amike. Almenaŭ dum tri tagoj…

***Svetlana Agejeva***

*Novoĉerkassk, E-Klubo "NovoĈek"*

Miaj impresoj pri APERo ne enspaciĝas en frazojn – ili estas pli vastaj kaj profundaj… Fojfoje suprennaĝas el memoro aŭ el sonĝo iu momento el tiuj tagoj – kaj mi sentas min tre… riĉa kaj feliĉa. Iufoje mi kaptas min je tio, ke kantas aŭ pensas Esperante, ke daŭrigas paroladi kun iu el ge-APERanoj… Dankon pro novaj pensoj, scipovoj, spertoj, scioj, pro viaj parencaj vizaĝoj en fotografaĵoj kaj en la memoro! Miaj du APERoj prezentas la plej intensajn tagojn en mia vivo. Post APERo aperas sento, eĉ scio, ke indas vivi nur tiel dense, amike kaj sencoplene, kiel en tiuj mirindaj tri tagoj…



***Mikaelo Ĉertilov***

*estrarano de REU (el la dissendolisto <reu-agado>)*

En perfekta amikeca etoso la 23-26-an de februaro pasis la vica 11-a APERo.

Ĝin partoprenis 32 esperantistoj el Moskvo, Rigo, Arĥangelsko, Uljanovsko, Novoĉerkasko, Sankt-Peterburgo. La organizanto, Moskva Esperanto-Asocio "MASI", trovis bonegan formon de la renkontiĝo, interesan kaj por spertaj esperantistoj pro riĉa programo kaj amika etoso, kaj por progresantoj, kiel bona paroliga aranĝo.

Ĉi tie ne estis pasivaj konsumantoj. Ĉiuj laŭ siaj kapabloj estis engaĝitaj en la riĉan programon. Dum la programo, manĝado, promenado ĉiam estis uzata nur Esperanto, kio estas bonega tradicio de APERoj.

MASI estas unu el perloj de rusia esperantista movado. … Mi esperas ke MASI-anoj same aktive partoprenu en ĝeneralaj aranĝoj de REU, ekzemple en la ĉijara Konferenco de REU, por transdoni sian riĉan sperton al aliaj kluboj, doni novajn ideojn kaj proponi tutrusiajn projektojn.



***Klara Ilutoviĉ***

**Dum APERo-11**

Komforta ĉambro. Bongusta teo.
Amikaj voĉoj. Esper' kaj lum'.
Eĉ ne spureto de tim' kaj veo.
Forvaporiĝis ilia zum'.

Nek tordaj pensoj, nek trem', nek larmo.
Ridet' amika. Neĝakvarel'.
Prelega brilo. Kantad', korvarmo.
Esperantistoj, APERo. Bel'.

Nur Esperanto vervige regas.
APERo verdu sub vintra sun'.
L' etoso korojn amike flegas.
APERo, dankon – ĉiam kaj nun!




## *MAMUTIDO* ENRETIGITA

La nova kurso pri Esperanto de Tatjana Loskutova por rusparolantoj "Mamutido Miĉjo" estas enretigita danke al Emilio Cid. Bonvolu disvastigi la informon kaj utiligi ĝin: <http://www.gazetaro.org/mamutido/>.

***Grupeto "Ni semas" ĉe UEA***

# RUSIO, LA SEN-UK-A

*(malferma letero al…)*

**Prefaceto iom lirika**

Aĥ, UK, UK... Oni kritikas vian rigidan programon, kaj oni pravas. Oni parolas pri rutineco de viaj longegaj komitataj kunsidoj – ankaŭ tio estas vero. Oni mokas enuecon de la diskutadoj pri viaj ĉeftemoj kaj apenaŭan utilon de viaj rezolucioj, ja eĉ tio estas versimila. Tamen ĝuste tiujn «oni» ni ĉiujare renkontas ĉe via vica solena malfermo, ĉu ne? Ĉar ne ekzistas plimalpli egalvalora alternativo. Ĉar, fajfante pri ĉiuj onidiroj, vi restas la plej amasa kaj la plej impona manifestiĝo de ĉio, je kio riĉas nia Esperantujo: landoj kaj asocioj, homoj kaj kontaktoj, scienco kaj kulturo, seriozo kaj distro. Do tiuj Esperanto-parolantoj, des pli esperant***ist***oj, kiuj ne ĉiam aŭ neniam tretas viajn plankojn, estas diversgradaj marĝenuloj de la movado.
Vi aperis dek ok jarojn post naskiĝo de la lingvo, kaj poste forstreki vin el la historio de Esperanto povis nur la mondmilitoj. Do al la 130-jara jubileo de la lingvo vi venas nur la 102-a, sed tio ne multe gravas. Gravas, ke vi sukcesis pli ol cent fojojn ree kaj ree aperi en preskaŭ ĉiuj loĝataj kontinentoj, ke vin fiere akceptis tridek kvin landoj por ne paroli pri unu (tiam) libera urbo. Pro diversaj kaŭzoj, sendiskute gravaj, kelkajn landojn vi bonvolis honori per via veno konsiderinde pli ofte ol la ceterajn, kaj, kompreneble, ili estis plejparte eŭropaj, inter kiuj vi elektis po du landojn eĉ por ok-, sepaŭ sesfoja veno. Nu, en la postmilita epoko vi atentis ankaŭ aliajn mondopecojn, vizitinte dek landojn po dufoje kaj pliajn dek po unufoje. Ŝajnas al mi, ke mi bone kalkulis, sed, retrastudante la liston de viaj aperoj, mi gratetas la nukon kun disreviĝo kaj sincera envio. Ĉar mi ne trovas en la listo unu landon, kiun mi ege ŝatus trovi. Vian naskiĝlandon. La plej grandan landon de la Tero. La landon, kie mi loĝas. Mi ne trovas Rusion.
Eble, vi rebatus: kara, ja multajn landojn mi ne vizitis ankoraŭ! Baraton, Meksikon, la tutan Afrikon, eĉ kelkajn eŭropajn... Ho jes, – mi respondus, – sed tio ne estas bona konsolo por mi.

**La provo de la aventuristo**

Veninte al Esperanto en mia frua junaĝo, ĉe miaj elementaj scioj pri via historio, mi imagis, ke la unua via apero certe devis okazi en Rusio. Ho ve, evidentiĝis, ke ni, la rusiaj esperantistoj, multnombraj kaj subtenataj de mem Tolstoj, dum preskaŭ kvaronjarcento de la lingvo-ekzistado ne kapablis organizi eĉ landan kunvenon! La Majstro, idealisto ĝisosta, certe, ne estis taŭga persono por tia ago. Estis bezonata vera aventuristo, sin apoganta sur lia ideo, sed tia aperis ne tuj. Nur en 1910 rusa nobelo, oficiro, esperantisto kaj aventuristo Aleksandr Postnikov sukcesis, spite al multaj obstak-

loj, kunvenigi en Sankt-Peterburgo la 1-an Ruslandan Esperanto-Kongreson. Ĝin vizitis ankaŭ la Majstro. Neeviteble, en la programon de la Kongreso, publikigitan en «Ruslanda Esperantisto» (N-ro 2-3, 1910), kun numero 4 estis metita demando: «Internacia esperantista Kongreso en Ruslando». Samjare Aleksandr Postnikov partoprenis en la Sesa Internacia Esperanto-Kongreso en Vaŝingtono. Li estis oficvojaĝigita tien de la rusia ministerio pri industrio kaj komerco, do fakte kiel oficiala reprezentanto de la ŝtato. Mi miras, ke tiu oficiala reprezentanto ne faris oficialan inviton por la monda esperantistaro, sed, evidente, li havis aliajn aferojn, pli gravajn, ekzemple fondon de Universala Ligo. Tiu lia kreaĵo, miaopinie, iĝis unu el gravaj kaŭzoj por lia sekvajara aresto kaj posta ekzilo. Aliaj aventuristoj mankis, do la decido de la peterburga kongreso por inviti vin restis sen plenumo.

**La proletoj kaj poetoj**

Certe, vi memoras la jaron 1914. Eko de la Unua Mondmilito kaŭzis la unuan vian neokazigon, kvankam aliĝis ĉirkaŭ kvar mil... Multaj aliĝintoj, kiuj jam veturis al Parizo, devis pene trovi ian sendanĝeran vojon al siaj hejmoj, sen imago, ke posta evolouo de la mondeventoj radikale ŝanĝos la mondon. Kaj la Esperanto-movadon en ĝi.
La unua «proleta» ŝtato, naskita en 1917 per la ŝtatrenverso, pelis for la malaventureman samideanaron, levinte el la profundo de la rusa socio multegon da aventuremaj esperantistoj. Ho, tiuj sincere kredis baldaŭan efektiviĝon de la monda proleta revolucio, ĉar plejmulto de ili estis poetoj! Ja vi scias, ke la poetoj estas facile kredemaj personoj. Sed, krom esti poetoj, ili opiniis sin proletoj, do la bonviva UEA, prizorganta vin, estis nomita «burĝa». La proletoj-poetoj ĉesis kunlabori kun la burĝoj kaj elektis por amikiĝo kaj kunlaboro «pure proletan» esperantistan asocion, bonŝance aperintan en ĝusta tempo; ĝi estis SAT. Ne ĉio estis glata en tiu amikiĝo kaj kunlaboro, sed iel-tiel finfine en 1926 venis en Leningradon la unua internacia Esperanto-aranĝo, pli ĝuste – la Sesa Kongreso de SAT.
La proletaj esperantistaj gazetoj, analizante la diferencojn inter tiu kongreso kaj vi, en la sama tempo pasinta en Edinburgo (Britio), entuziasme raportis, ke al la baloj kaj sensencaj festadoj, okazintaj en Edinburgo, Leningrado respondis per serioza laboro, evoluigante uzon de la internacia lingvo Esperanto por la celoj de la monda proletaro. La ŝanco, ke oni invitos vin al Rusio-Sovetio, estis nula. Des pli poste, kiam evidentiĝis, ke la proleta mondrevolucio ne plu aktualas, kaj ke la unua «proleta» ŝtato devas konstrui la novan socion ene de siaj limoj kaj defendi sin kontraŭ multaj kruelaj malamikoj – eksteraj kaj internaj. Al la internaj – kune kun eksnobeloj, diverse-

kleziaj pastroj, anarkiistoj, trockiistoj k.a. – oni aldonis ankaŭ la esperantistajn proletojn kaj poetojn. Do ankaŭ ili trafis en la senkompatan muelilon de la «Granda Purigo», kaj via ŝanco veni en mian landon estis forgesita por longe.
La tuta afero finiĝis per nova mondmilito, por kelkaj sangoverŝaj jaroj ĉesiginta ĉion, ankaŭ vian regulan aperadon.

**La resurekto**

Oni diras, ke baldaŭ Rusio «kaj la tuta progresema homaro» festos sesdekjaran jubileon de la 6-a Mondfestivalo de Junularo kaj Studentoj, okazinta en Moskvo en 1957. Mi ne scias, ĉu nun okazos io speciala, sed por la kvindekjariĝo de la festivalo en 2007 estis produktita atentokapta dokumenta kinofilmo «La amo kaj kolomboj de 1957». Ĉu vi spektis? Ne? Do mi diru al vi, ke, laŭ la aŭtoroj de la filmo, certan profiton de la Mondfestivalo ricevis esperantistoj kaj putinoj. La lastaj, kompreneble, pro subita alveno de riĉa eksterlanda klientaro. La unuaj – pro deviga, mi emfazu tion, – deviga resurekto de Esperanto en Sovetio. La ŝtato mem trovis kelkajn esperantistojn, mirakle transvivintaj la mornan epokon, kaj igis ilin gvidi la lingvajn kursojn por studentaro en Moskvo kaj en Leningrado. Ho ne, inviti vin en Sovetion neniu intencis, ne temis ankaŭ pri restarigo de interrilatoj kun UEA. La celo estis montri al la malamikoj trans la «fera kurteno», ke en Sovetio oni iom post iom foriras de la stalina heredaĵo.
Do vidu, kara, estis permesitaj Esperanto-kursoj, kaj dank' al manpleno da transvivintaj entuziasmuloj la resurekto okazis. Iom poste ĝi eĉ naskis – mi ne timu tion diri – la plej fortan landan junularan esperantistan organizon kun la nomo SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado). Tamen Esperanto kaj la esperantistoj restadis suspektataj flanke de la oficialuloj. Foliumu, kara, viajn kongreslibrojn – ĉu multajn sovetianojn vi trovas inter la partoprenintoj? «Sofio kara, urbo nia frata...» – verkis la fama poeto Konstantin Gusev dum la unua postmilita partopreno de la sovetia grupo en via programo (1963), kaj tiu okazo estis unu el nemultaj.
Jes, niaj junularaj tendaroj, la legendaj SEJT-oj estis ravegaj, sed mi opinias, ke en la animfundo ĉiu el ni, fermitaj ene de la landlimoj, revis almenaŭ unufoje viziti vin. Kelkaj sukcesis. Ankaŭ mi en 1978 – grandpene, kaj ne plentempe – tamen venis al vi en Varna, kaj mi estis ravita. En la nebulo de mia ravo mi aliris «balenon» de la sovetia movado, profesoron Podkaminer. «Vi ja scias, – diris mi, – ke ni havas en SEJM kelkcenton da aktivaj, talentaj kaj organizemaj gejunuloj. Certe, ni povus organizi la aranĝon samnivele, eĉ pli bone. Ĉu eblus do inviti UK-on al Soveta Unio?» Kaj la «baleno» suspire respondis: «Apenaŭ...».

Mi vendis mian fakan scipovon kontraŭ granda salajro, forveturinte por jaroj kaj jaroj trans la polusan cirklon. Tie, eble, pro frostegoj ne estis tuj rimarkeblaj la iom-post-iomaj ŝanĝoj, okazantaj en la lando. Sed, reveninte hejmen, mi trovis, ke mia hejmo situas jam en tute alia ŝtato.

**La ora kurteno**

Dum mi estis for, la landa movado progresis. La nova reganto eĉ ion pozitivan diris pri la internacia lingvo. La esperantistoj kunvenis en Moskvo kaj refondis Sovetrespublikaran Esperantistan Union (SEU). Kiu, cetere, neniam estis malfondita formale. SEU aliĝis al UEA kaj ekrevis pri via baldaŭa veno. Iom da eŭforio estis, jes...

La eŭforio daŭris ne longe, samkiel la ekzistado de la refondita SEU. Ĝi malaperis per si mem kune kun la Soveta ŝtato. La esperantistaj asocioj de antaŭaj sovetaj respublikoj, nun sendependaj ŝtatoj, iris siajn disajn vojojn. Almenaŭ dum la unuaj dek jaroj de la sendependeco tiuj vojoj ne estis facilaj. Venis pli da libero, sed anstataŭ la «fera kurteno» falis la «ora». Plimulto de la loĝantaro havis nun kiel la plej gravan zorgon serĉadon de rimedoj por nutri la familion. La esperantistoj ne estis ĉi-kaze io aparta.

Tamen iom da bono venis. Du Esperanto-eldonejoj aperis en Rusio! Rusia Esperantista Unio okupis la lokon de SEU en UEA. Vi vidis, ke en viaj prelegejoj, koncertejoj kaj ekskursejoj aperis multaj rusianoj. Vi estis por ni gluto da freŝa aero; por ricevi tiun gluton ni ŝparadis monon dum la jaro, eĉ pli. Ni eĉ sukcesis akcepti du kongresojn de SAT – en Peterburgo, 1996, kaj en Moskvo, 2000. Ankaŭ du IJK-ojn – en 1995 kaj 2004 – en provincaj lokoj de Rusio. Sed vi scias, ke tiuj kongresoj estas tute aliformataj aranĝoj.

**La revo kaj la krevo**

En la fino de la 2000-aj jaroj inter la nuboj aperis pura spaceto. La Estraro de REU estis grandparte laborkapabla kaj aktiva. En Moskvo funkciis «Justo», la jura universitato, gvidata de Gennadij Ŝilo, kiu havis konsiderinde firmajn kontaktojn kun la administrantoj de la rusia ĉefurbo. La ŝtato havis bezonon bonigi sian reputacion en okuloj de la alilandanoj, bonvole subtenante diversajn internaciajn aranĝojn kaj aranĝetojn. Jen do: kuniĝis samtempe kelkaj pozitivaĵoj, ebligantaj efektivigi la revon, tio estas – finfine inviti vin en Rusion. Kaj la afero ekmoviĝis.

Preparante tiun ĉi esplorartikolon, mi petis komentojn de personoj engaĝitaj. Mi citu la tiaman Prezidanton de REU, Andrej Grigorjevskij:

*«Iusence preparaj por invitado de UK estis ankaŭ niaj du okazigoj de IJK-oj en Rusio. Ĉiufoje estis subkomprenate, ke post IJK estos pli facile venigi al ni UK-on. En la 90-aj post IJK en Serovo estis esplorataj variantoj pri*

*invitado de UK al Peterburgo aŭ Soĉi. Tiuj esploradoj neniam rezultiĝis kiel oficiala invito de UK.*
*En 2007-2008 startis pli forta provo. Sufiĉa loka subteno tiumomente troviĝis nur en Moskvo, konkrete temas pri Gennadij Ŝilo kaj lia universitato. Li kompreneble insistis, ke UK povas okazi nur en Moskvo. Dank' al liaj oficialaj kontaktoj ni sukcesis havi formalan subtenon de la moskva registaro...»*

Doktoro de juraj sciencoj profesoro Ŝilo bonvole sendis al mi kopiojn de la dokumentoj kaj fotoj. La dokumentoj atestas, ke la afero startis ankoraŭ en 2006, kiam tri organizaĵoj, kunlaborantaj ĉi-kaze (Tutrusia klerigfonduso, REU kaj la universitato «Justo») skribe petis moskvan urbestron akcepti vin en 2009 aŭ 2010. Profesoro Ŝilo, kiel koordinanto de la afero, kelkfoje memorigis al la urbestraro pri la sendita petskribo; per liaj klopodoj en februaro 2007 la Prezidanto de REU ricevis esperigan respondon:

*«En la Registaro de Moskvo estas pridiskutita la mesaĝo ... pri okazigo de Universala Kongreso de Esperanto en Moskvo. ... Efektivigo de tiu internacia forumo en la rusia ĉefurbo povas kontribui al plialtigo de ties prestiĝo, kiel de la intelekta ĉefurbo de la mondo. ... La Urbestro de Moskvo J.M. Luĵkov principe subtenis Vian proponon okazigi en Moskvo en 2009 aŭ 2010 respektive la 94-an aŭ la 95-an Universalan Kongreson de Esperanto. ...*

*[La unua vicurbestro en la Registaro de Moskvo]*
*L.I. Ŝvecova»*

Ĉu vi divenas, kio sekvis? Ja jes, sekvis diskuto-disputo inter la rusiaj aktivuloj kaj la Ĝenerala Direktoro de UEA. La rusiaj invitantoj insiste petis pri



ПЕРВЫЙ ЗАМЕСТИТЕЛЬ МЭРА МОСКВЫ
В ПРАВИТЕЛЬСТВЕ МОСКВЫ

Тверская улица, д. 13, Москва, 125032
Телефон: (495) 629-0861, факс: (495) 234-3295, 234-3297, http://www.mos.ru
ОКПО 00022020, ОГРН 1027739813507

20.02.07 № 419-2331/7 419-22398/6-1

на № ______ от ______

Президенту Российского союза эсперантистов
**А.А.Григоревскому**

Москва, 105064
ул.Казакова, 23

**Уважаемый Андрей Анатольевич!**

В Правительстве Москвы рассмотрено обращение Российского союза эсперантистов, Европейского университета права Justo и Всероссийского фонда образования по вопросу проведения Всемирного конгресса эсперанто в городе Москве.

История создания и развития языка «эсперанто» рассматривается в ходе изучения курса «Языкознание» студентами и аспирантами Института иностранных языков Московского городского педагогического университета.

Проведение данного международного форума в российской столице может содействовать повышению её престижа как интеллектуальной столицы мира.

Учитывая, что данная инициатива направлена на укрепление международных связей и развитие взаимопонимания между людьми различных национальностей, Мэр Москвы Ю.М. Лужков в принципиальном плане поддержал Ваше предложение о проведении в Москве в 2009 или в 2010 годах соответственно 94 или 95 Всемирного конгресса эсперанто.

Взаимодействие от органов исполнительной власти Москвы возложено на заместителя Мэра в Правительстве Москвы по международным и внешнеэкономическим связям И.Н.Орджоникидзе.

**Л.И.Швецова**

2009, ja oni devas forĝi feron dum ĝi varmegas. Certe, ili ne havis ŝancon pro la kaŭzo tute komprenebla kaj praviga – la jubileo de la Majstro. Vi devis tiujare aperi nepre en lia naskiĝurbo Bjalistoko, kaj tiel decidis UEA. Do serioze traktata povis esti nur 2010. Pri tio finfine konsentis la invitantoj, sed la fero jam estis iom malpli varma, t.e. la urbestraro parte perdis sian antaŭan entuziasmon.
Ho, la traktado tamen daŭris! Per iom trudaj kaj senĉesaj klopodoj de profesoro Ŝilo la Ĝenerala Direktoro de UEA estis invitita en Moskvon. La vizito okazis la 20-21-an de majo 2008, kaj la Prezidanto de REU Andrej Grigorjevskij senprokraste raportis pri ĝi en la dissendolisto de REU. Mi prezentu al vi parton de la raporto:

*Hodiaŭ, marde la 20-an estis la konkluda tago de la ekkona vizito de Osmo Buller al Rusio...*
*Je la 14.30 Osmo Buller, prof. Ŝilo, prof. Komkov, Svetlana Smetanina (kiel reprezentanto de Moskva EK "Lev Tolstoj") kaj mi (kiel REU-reprezentanto) estis akceptitaj de moskvaj oficialuloj. Ĉeestis A.V. Petrov (vicurbestro), reprezentanto de internacia fako de la urbestraro kaj vicestro de la Kleriga fako de la urbestraro. Post konatiĝo kaj enkondukaj vortoj Osmo Buller rakontis pri UEA, Universalaj Kongresoj kaj atendoj de UEA pri eventuala kongresado en Moskvo. Responde A. Petrov ankoraŭfoje sonigis inviton nome de la urbestro Luĵkov, ke UEA venu kongresi en*



*2010 al Moskvo. Je ĉiuj antaŭpreparitaj demandoj li plenkonfide respondis, ke tio estas facile solvebla kaj ne estas problemo. Pri la preparado de la teknikaj kondiĉoj de la invito estis komisiite zorgi al la Fako pri klerigado. La kunsido entute daŭris unu kaj duonan horon.*

Nokte post *tia* raporto mi vidis en sonĝo min, planantan kun geamikoj diversajn surprizojn por via programo kaj vian Solenan Malfermon en la Palaco de Junularo, en Moskvo. Sed la sonĝo restis sonĝo.
Dum la monatoj, restintaj ĝis via apero en Roterdamo, la kompatinda profesoro Ŝilo atakadis la urbodomon per vekriaj leteroj, petante oficialan konfirmon de la promesoj, donitaj al la Ĝenerala Direktoro. Diversrangaj oficialuloj respondadis, ke la oficiala letero estas preparata, sed ĝi neniam venis en la manojn de la profesoro. Forirante al Roterdamo, kie oni devis decidi pri via sorto por 2010, la profesoro produktis garantian leteron de la universitato «Justo» kun ties stampo kaj kun sia subskribo. Li argumentis, ke ĉiel ajn la moskva urbestraro nepre devos plenumi la promesojn, voĉigitajn de la vicurbestro, se UEA elektos Moskvon por 2010. Vi komprenas, ke tio estis ago de despero. Ĉar la rivalo de Moskvo estis Havano. La ĉefurbo de la insulo, regata de la «soldato de Esperanto», prezentis ĉiujn postulatajn garantiojn kaj ricevis vin por 2010.
Dolora bato, ĉu vi komprenas, kara?! La krevo de la revo kaŭzis disreviĝon ĝis anima fundo al multaj engaĝitaj kaj neengaĝitaj amikoj-samideanoj.
Krom la dokumentoj kaj opinioj de Gennadij Ŝilo kaj de Andrej Grigorjevskij mi ŝatus prezenti ĉi-loke opiniojn de la alia flanko, t.e. de la tiama Ĝenerala Direktoro de UEA Osmo Buller. Sed li ne respondis al kelkaj miaj retaj petmesaĝoj, provizu Dio lin per bonfarto... Afable respondis la nuna Ĝenerala Direktoro:

*Kara Mikaelo,*
*Mi ne scias kio povis okazi, ĉar laŭ mia sperto Osmo kutime rapide respondas al la mesaĝoj. Povas esti ke li ial ne ricevis la mesaĝon, ĉu pro malĝusta adreso aŭ ĉar la mesaĝfiltrilo metis ĝin en maltaŭgan keston. Mi faris etan esploreton por povi respondi al via demando.*
*Mi eksciis ke tiam, kiam Moskvo konkurencis kun Havano por gastigi la 95-an UK-on, la invitoj de ambaŭ urboj estis ricevitaj kun ĝojo. La ĉefa problemo flanke de la moskva invito estis manko de dokumentoj de la urbaj aŭtoritatoj, kiuj konfirmus al UEA la avantaĝojn donotajn al la kongreso en la kazo ke Moskvo estus elektita. UEA bedaŭrinde ne ricevis subskribitajn dokumentojn flanke de tiuj instancoj kun garantio ke la UK ricevus la promesitajn avantaĝojn – malgraŭ kelkaj petoj, por ke oni sendu tiujn al UEA antaŭ la kunsido kiam la Estraro decidis pri la 95-a UK.*

*Mi estas je via dispono por pliaj informoj laŭ miaj ebloj.*
*Kore, Veronika Poór*

**Do kio nun?**

Kara, vi scias, ke el ni du estas nur mi, kiu maljuniĝas. Maljuniĝas kaj forpasas unu post alia ankaŭ miaj geamikoj – SEJM-anoj. Vi restas eterne vigla kaj juna, aperante ĉiujare ie en la mondo. Sed ne en la lando, kie mi loĝas. Nuntempe tiu ĉi lando estas multe malpli taŭga – kaj por mia vivo, kaj por via veno. Sed, krom la historiaj aferoj, mi volis esplori ĉu tamen restas ŝanceto, ke en la restintaj tri-kvin-aŭ-eĉ-dek jaroj de mia vivo mi tamen sukcesos saluti vin ĉi tie, ne irante translimen. Mi skribis al ambaŭ organizaĵoj, de kiuj en nuno grandparte dependas via sorto ĉi-direkte; jen estas la ricevitaj respondoj.

La opinion de UEA prezentis la prezidanto Mark Fettes:

*... mi pensas ke la oficiala pozicio de UEA estas proksimume jena.*
*1. Ni volonte ricevas invitojn de UK el ĉiu ajn lando, konformajn al la Kongresa Regularo de UEA.*
*2. En la pritakso de ĉiu invito, kunrolas faktoroj movadaj, ekonomiaj kaj situaciaj (t.e. ne-ekonomiaj faktoroj, kiuj povus influi la partoprenemon kaj partoprenpovon de esperantistoj, aŭ la glatan funkciadon de la kongreso). Tiujn konsiderojn oni devas trakti en ĉiu aparta kazo, do ne eblas antaŭdiri, kiel ni konkludus pri konkreta invito el Rusio por iu venonta jaro.*
*3. Se diri ĝenerale, UEA rekonas la grandan signifon kaj valoron de la movado en Rusio, kaj ŝatus laŭeble apogi ĝin. Aliflanke ekzistas nuntempe pluraj situaciaj malfacilaĵoj en Rusio, kiuj povus kontraŭpezi la movadajn argumentojn, inter ili la milita stato en orienta Ukrainio kaj la minacoj al libera komunikado (de ĵurnalistoj, aktivuloj k.s.). Ni verŝajne bezonus garantiojn pri la rajtoj de la kongresanoj libere esprimi sin pri ĉiuj temoj. Subteno de la E-organizoj en najbaraj landoj estus ankaŭ tre dezirinda. Kaj ni devus analizi la situacion pri vizoj por vidi, ĉu la kongreso estus sufiĉe alirebla el eksterlando.*
*4. En la praktiko, la esplorojn pri difinita invito faras la Konstanta Kongresa Sekretario, eventuale kune kun la Ĝenerala Direktoro kaj la Ĝenerala Sekretario, kaj ili raportas al la Estraro, plej ofte (sed ne nepre) kun rekomendo. La Estraro povas ankaŭ konsulti la Komitaton pri difinita invito. Invito el Rusio estus traktata serioze laŭ tiu procedo.*

La opinion de REU prezentis la Prezidanto Svetlana Smetanina:

*Ĉu valoras la pen'?*
*En Rusio neniam okazis Universala Kongreso, kvankam multfoje sonis de-*

*mandoj pri tio.*
*Organizi eblas ĉion, eĉ UK-on. La lando estas interesega, alloga, mistera kaj vizitenda.*
*Sed nun la landa esperantistaro ne emas engaĝiĝi en grandajn preparlaborojn, ĉar tutegale UEA ne akceptos nian inviton. Jam estis provoj, giganta laboro kun invito kaj esploroj de Osmo Buller estis farita. Rezulte oni elektis Kubon. Por UEA gravas ne lando, ne disvolvo de la loka movado kaj ĝia aktiviĝo, sed financa profito. En Rusio oni profiton ne ekvidis.*
*Dum unu el kunsidoj de UEA-Komitato en la UK en Argentino mi demandis s-ron M. Fettes, ĉu UEA havas intereson okazigi iam UK-on en Rusio? Li respondis:*
*"Intereso estas, sed... Vi havas militon kontraŭ Ukrainio kaj kontraŭgejan leĝon". Sen komentoj.*
*Ĝis ŝanĝiĝos la konsisto de la UEA-Estraro ni ne vidas sencon kaj ne havas emon organizi UK-on en nia teritorio.*

Ĉu vi atente legis la respondojn? Mi – jes, kelkfoje. Kaj post pripenso de tio al via eventuala demando, kiam miaopinie estos ebla via veno en Rusion, mi respondu: neniam. Sed mi estus feliĉa erari.

***Kore bondeziranta,***
***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## SKRIBA KER-SESIO EN MOSKVO ĈI-JARE

Skriba KER-sesio ĉi-jare en Moskvo okazos la 10-an de junio. La skriba ekzameno laŭ internaciaj postuloj de Komuna Europa Referenckadro estas organizata en Moskvo jam dum kelkaj jaroj. Laŭ la kvanto de ekzamenitoj (ĝis nun 134 sukcesintoj) Moskvo estas en la tria loko inter 70 landoj.




Eble ni povus veni al la dua loko, se niaj esperantistoj, aktivuloj kaj novuloj pli aktive kaj serioze rilatus al ĉi tiu ekzameno. La ekzameno pritaksas la nivelon de tri bazaj lingvokapabloj: bazan, mezan kaj superan. Tiuj niveloj konformas al la priskriboj de KER je B1, B2 kaj C1. Krome, oni ricevas ateston pri la ekzameno en 4 lingvoj.

Kun petoj, demandoj bonvolu turni vin al la ĉeforganizanto de la KER-sesio, reprezentanto de ILEI en Rusio Svetlana Smetanina per la retadreso <svsmetanina@yandex.ru>. Bonvenon!

***Bulteno de REU***

# Eksciu, ke...

## LA SOCIA RETO “AMIKUMU” LANCIGIS

La 22-an de aprilo lanĉiĝis nova socia reto, “Amikumu”. Ĝi estas uzebla per saĝtelefonoj kaj montras la cent plej proksimajn Esperanto-parolantojn, kiuj membras en ĝi. Ene de unu semajno aliĝis pli ol tri mil homoj el almenaŭ kvindek landoj. En kelkaj grandaj urboj membras jam pli ol deko da Esperanto-parolantoj.

“Amikumu” donas bonan eblecon por kontakti aliajn Esperanto-parolantojn – oni renkontiĝas unue en la reto kaj povas poste interkonsenti pri rendevuo eksterrete. Por ke tio funkciu, necesas ke ankaŭ la homoj el la tradicia Esperanto-komunumo aliĝu al “Amikumu” kaj prezentu sin tie. Instrukcioj kiel fari troveblas ĉe <https://amikumu.com>.

En 1908 Hector Hodler lanĉis novan ideon – Jarlibron, kiu faciligis trovi aliajn Esperanto-parolantojn. La nova ideo, kiun nun realigis Chuck Smith kaj Evildea kun sia teamo, 109 jarojn post Hodler, estas iusence nova versio de jarlibro. Sed tiun ĉi version ni povas nomi “horlibro”, ĉar ĝi estas daŭre aktualigata. Nun vojaĝanto povas kontakti ne nur la lokulojn en ilia hejmo, sed pere de “Amikumu” ankaŭ aliajn vojaĝantojn, kiuj hazarde troviĝas samloke. Kaj la lokulo povas vidi, kiu vizitas lian aŭ ŝian urbon.

Multan ĝojon kun viaj Esperanto-kontaktoj!

***<esper-inform>***

## LA UNUA LINGVA FESTIVALO EN SAMARA

La 12-an – 19-an de decembro 2016 en Samara Ŝtata Instituto de Kulturo (SŜIK) okazis la *Lingva Festivalo: Kulturo kaj Lingvo*, la unua LF en la urbo. La projekton iniciatis kaj organizis la instituta katedro pri historio kaj teorio de kulturo kaj la Internacia lernejo por superaj kulturologiaj studoj (ILSKS) de SŜIK asistate de kelkaj partneraj organizoj: Samara regiona universala scienca biblioteko, regiona Domo de interpopola amikeco, Centro de la germana lingvo ĉe Samara universitato, Lingvistika klubo “Mi estas poligloto” k.a.



Dum la festivala semajno ĉiutage estis prezentataj diversaj lingvoj de Rusio kaj aliaj landoj, abundis prelegoj, disputoj, koncertoj, konkursoj, kvizoj... La 19-an de decembro la festivalon kronis la Tago de Esperanto. La direktoro de ILSKS Prof. D-ro Vladimir I. Ionesov prelegis pri la temo “Esperanto en la nuntempa mondo”, kion sekvis la publika enkonduka leciono de la Lingvo Internacia.

Menciindas, ke ekde 2014 en Samara Ŝtata Instituto de Kulturo Prof. V.I. Ionesov gvidas la kurson “Bazoj de transkultura komunikado kaj esperantologio”.

***A.Ivanov (Samara)***

## LA VIVOVERKO DE ZAMENHOF DAŬRE INSPIRAS, 100 JAROJN POST LIA MORTO

La 14-a de aprilo 2017 estas la 100-a datreveno de la morto de Ludoviko Zamenhof, iniciatinto de Esperanto. En tiu ĉi solena tago, Universala Esperanto-Asocio ree substrekas la gravecon kaj daŭran valoron de lia vivoverko, pri kiu eblas nun legi en trideko da lingvoj ĉe la nova retejo <www.zamenhof.life>.

Ludoviko Zamenhof naskiĝis en 1859 en mezklasa juda familio en Bjalistoko, urbo tiam situanta en la okcidenta parto de la Rusia Imperio. Jam ekde sia adoleska aĝo li komencis eksperimenti pri la kreo de neŭtrala lingvo. Finfine en 1887 en Varsovio aperis la Unua Libro pri la Lingvo Internacia de d-ro Esperanto. Dum la sekvaj 25 jaroj Zamenhof, kune kun sia edzino Klara, dediĉis grandan parton de siaj tempo, energio kaj financaj rimedoj al la flegado de la frua movado. Li vaste korespondis, redaktis revuojn kaj librojn, aŭtoris artikolojn kaj poemojn, tradukis verkojn de la monda literaturo kaj ekde la unua Universala Kongreso en 1905 prezentis ankaŭ serion de inspiraj kongresaj paroladoj. Estas eksterdube, ke lia konstanta, senlaca kaj saĝa agado tra tiuj ofte malfacilaj jaroj estis nepra por la stabiligo de la lingvo kaj ĝia komunumo.

Okaze de la centa datreveno de la naskiĝo de Zamenhof, en 1959, Unesko rekonis lin kiel unu el la Grandaj Personecoj de la Homaro. Ankaŭ ĉifoje, lia mortodatreveno estas listigita de Unesko inter la notindaj datrevenoj de la jaro 2017. Agante laŭ tiu instigo, la pola parlamento la 7-an de aprilo aklame akceptis rezolucion pri la signifo de lia vivoverko. Solenaĵoj, simpozioj kaj aliaj datrevenaj eventoj okazados tra la mondo ĝis la jarfino; kalendaro troveblas ĉe <http://www.gazetaro.org>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

la verda KoRo

kultura revuo

## POEZIO DE ZAMENHOF

***Omaĝe al la 100-jara datreveno de forpaso de L. Zamenhof***

Estas malfacile diri ion novan pri Zamenhof kiel poeto, post kiam pri tio skribis tiaj korifeoj pri literaturo kaj mem poetoj kiel K. Kalocsay, W. Auld, J. Francis… Tamen, memorigi al la legantoj en la tagoj de 100-jara datreveno post lia morto, verŝajne, indas.

Zamenhof estis poeto laŭ sia naturo, li rivelis tion ĉiam, eĉ tiam, kiam parolis kaj skribis proze. Sen poezio li ne povis ekzisti, kaj en sia fama letero al la organizanto de la 1-a UK A. Michaux li konfesis, ke li en la infanaĝo revis fariĝi rusa poeto kaj eĉ provis ion verki. Poste lia elano translokiĝis al la kreo de la neŭtrala lingvo, tamen ankaŭ tion li ne povis imagi sen poezio – lingvo sen poezio ne povas ekzisti! Ne hazarde la sola fragmento de la unua varianto estis akompanata de la famaj kvar versoj "*Malamikete de las nacjes*<…>"! Plia perfektigo de la lingvo ankaŭ estis akompanata per ĝiaj elprovoj en poezio: "*Mi provis iafoje min distri en la societo, sed sentis min ia fremdulo, sopiris kaj foriradis, kaj de tempo al tempo faciligadis mian koron per ia versaĵo en la lingvo, prilaborata de mi. Unu el tiuj ĉi versaĵoj ("Mia penso") mi metis poste en la unuan eldonitan de mi broŝuron,*" – skribas li en la letero al N. Borovko. Evidente estas aludo pri versio de tiu poemo en "Praesperanto II" (laŭ klasifiko de G. Waringhien), kiu eĉ estis muzikigita kaj eldonita per rusaj literoj, laŭ antaŭnelonga malkovro de A. Korĵenkov. Do, li elprovadis la lingvon, konatigante kun siaj poeziaĵoj iujn amikojn:

*Bella sero ja l' urbetto*
*Lue njo brué*
*E missino i rondetto*
*Dolĉe deklamé*
*Ŝo pri vivo detruatta*
*Sente rakontá*
*E ma vundo la kaŝatta*
*Ree mon dolá.*

La rilato de Zamenhof al la lingvo kiel poezia kreaĵo reflektiĝas ne nur en tio, ke jam en la Unua Libro troveblas originalaj kaj tradukitaj poeziaj pecoj, sed ankaŭ en tio, ke la tutan lingvokreadon li komparis kun verkado de poezio, kion atestas lia frazo el "La esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia": "*La ebleco de apero de nova lingvo per si mem estas tre duba, kaj komisii al komitato la kreadon de nova lingvo estus tiel same sensence, kiel ekzemple komisii al komitato verki bonan poemon*".

Kvankam Zamenhof verkis tre malmulte da originalaj poemoj, kaj malgraŭ tio, ke jam en la unuaj jaroj de Esperanto pluraj homoj en la lingvo ekversis, almenaŭ ĝis la fino de la 1900-aj jaroj li estis la plej altkvalita originala poeto. Certe, ne tiom pro tio, ke li estis la kreinto de la lingvo, sed pro tio, ke li havis senriproĉan poezian guston kaj versis nur tiam, kiam havis specialan mesaĝon, komunikendan nepre en poezia formo. Imitinda ekzempo!

Pri bagatelaj temoj li ne versis, la temoj ĉiam rilatis la ideologion de la movado. Pro la edukiĝo en la rusa kultura tradicio liaj poemoj senteble sekvas modelojn de la rusa poezio – li strebas al regulaj abundaj rimoj kaj ritmoj, ebligantaj la kantadon – ne hazarde preskaŭ ĉiuj ricevis muzikan prilaboron… "Al la fratoj" sendube similas la rusajn revoluciajn kantojn (kaj povus servi kiel tia!); la plej malfrua Zamenhofa poemo "Pluvo" evidente troviĝas sub influo de la rusa simbolismo kaj sonas kiel traduko el A. Blok aŭ K. Balmont.

Malgraŭ certa stila "ruseco" de la zamenhofaj poemoj, rusigi ilin estas treege malfacila tasko. Do, ĉiu persono, kiu tion entreprenas, devas esti talenta kaj aŭdaca. Plene sukcesaj provoj laŭ mia opinio ĝis nun ne aperis, kio kondukas al pesimisma konkludo, ke ili tute ne eblas. Tamen la prezentataj nun tradukoj de Ludmila Novikova, kvankam ne ĉiuj egale bonaj, en certaj lokoj sence, stile kaj etose proksimiĝas al la originalo, kio supozigas, ke post plia laboro ni finfine havos la preskaŭ adekvatajn (nu, plene adekvataj verŝajne maleblas) rusajn versiojn de la zamenhofaj poemoj.

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

# L.L. Zamenhof Л.М. Заменгоф

*переводы Людмилы Новиковой (2017)*

## Ho, mia kor'

Ho, mia kor', ne batu maltrankvile,
El mia brusto nun ne saltu for!
Jam teni min ne povas mi facile,
Ho, mia kor'!

Ho, mia kor'! Post longa laborado
Ĉu mi ne venkos en decida hor'?
Sufiĉe! Trankviliĝu de l' batado,
Ho, mia kor'!

*1887*

## О, моё сердце

О, моё сердце, не стучи тревожно
И не стремись вон из моей груди!
Теперь сдержать себя уж невозможно,
О, подожди!

О, моё сердце! После всех терзаний
Ждёт ли меня победа впереди?
Довольно, сердце! Хватит трепетаний,
О, подожди!

## Al la Fratoj

Forte ni staru, fratoj amataj,
Por nia sankta afero!
Ni bataladu kune tenataj
Per unu bela espero!

Regas ankoraŭ nokto sen luno,
La mondo dormas obstine,
Sed jam leviĝos baldaŭ la suno,
Por lumi, brili senfine.

Veku, ho veku, veku konstante,
Ne timu ridon, insulton!
Voku, ho voku, ripetadante,
Ĝis vi atingos aŭskulton!

Dekon da fojoj vane perdiĝos
La voko via ridata, –
La dekunua alradikiĝos,
Kaj kreskos frukto benata.

Tre malproksime ĉiuj ni staras
La unuj de la aliaj...
Kie vi estas, kion vi faras,
Ho, karaj fratoj vi miaj?

## Братьям

Встанем мы, братья, силой несметной
За наше дело святое!
Будем сражаться мы беззаветно
В сердце с надеждой одною!

Царствуют всюду тёмные силы,
Мир ещё дремлет беспечно,
Но вот восстанет утра светило,
Чтобы сиять бесконечно.

Нужно будить, будить постоянно,
Не ждите сразу признанья!
Надо внушать, внушать непрестанно,
Так вы добьётесь вниманья!

Пусть десять раз ваш голос сорвётся,
Канет призыв ваш бесплодный, –
Ну, а в одиннадцатый приживётся,
Вырастет плод благородный.

Как далеко мы все друг от друга…
Где вы сейчас, дорогие?
Чем заполняете время досуга,
О, мои братья родные?

Vi en la urbo, vi en urbeto,
En la malgranda vilaĝo,
Ĉu ne forflugis kiel bloveto
La tuta via kuraĝo?

Кто-то в городе, кто-то в селенье
Или на хуторе малом.
Не улетела ль, как дуновенье,
Ваша решимость устало?

Ĉu vi sukcese en via loko
Kondukas nian aferon,
Aŭ eksilentis jam via voko,
Vi lacaj perdis esperon?

Столь ли успешно ведёте дело,
Разубеждая невежду,
Иль вы молчите робко-несмело
И потеряли  надежду?

Iras senhalte via laboro
Honeste kaj esperante?
Brulas la flamo en via koro
Neniam malfortiĝante?

Или вы честно держите знамя,
Не изменяя надежде?
И в вашем сердце пылает пламя
Точно такое, как прежде?

Forte ni staru, brave laboru,
Kuraĝe, ho nia rondo!
Nia afero kresku kaj floru
Per ni en tuta la mondo!

Крепко держитесь, действуйте смело,
Пусть будет круг наш всё шире!
Пусть процветает общее дело
Нашими силами в мире!

Ni ĝin kondukos ne ripozante,
Kaj nin lacigos nenio;
Ni ĝin traportos, sankte ĵurante,
Tra l' tuta mondo de Dio!

Будем вести его непременно,
Будем вести неустанно;
И с ним пройдём мы с клятвой священной
Через весь мир, Богом данный!

Malfacileco, malrapideco
Al ni la vojon ne baros.
Sen malhonora malkuraĝeco
Ni kion povos, ni faros.

Трудности все, людей нераденье
Нам не закроют дорогу.
Наши соратники без сомненья
Сделают всё, что лишь смогут.

Staras ankoraŭ en la komenco
La celo en malproksimo, –
Ni ĝin atingos per la potenco
De nia forta animo!

Мы лишь в начале нашего дела,
Цель наша в дали туманной, –
Мы к ней пробьёмся не силой тела –
Силой души светозарной!

Ni ĝin atingos per la potenco
De nia sankta fervoro,
Ni ĝin atingos per pacienco
Kaj per sentima laboro.

Мы к ней пробьёмся сквозь ветки терний
Силой святой, благотворной,
Мы к ней пробьёмся нашим терпеньем,
Нашей работой упорной.

Glora la celo, sankta l' afero,

La venko – baldaŭ ĝi venos;
Levos la kapon ni kun fiero,
La mondo ĝoje nin benos.

Tiam atendas nin rekompenco
La plej majesta kaj riĉa:
Nia laboro kaj pacienco
La mondon faros feliĉa!

*1889*

Славная цель, и дело святое,
Победа нам уже светит;
Гордо головы вскинут герои,
И мир нас радостно встретит.

Все мы получим вознагражденье,
Лучшее в жизни блаженство:
Наша работа вкупе с терпеньем
В мир принесут благоденство.

## La Espero

En la mondon venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko;
Per flugiloj de facila vento
Nun de loko flugu ĝi al loko.

Ne al glavo sangon soifanta
Ĝi la homan tiras familion:
Al la mond' eterne militanta
Ĝi promesas sanktan harmonion.

Sub la sankta signo de l' espero
Kolektiĝas pacaj batalantoj,
Kaj rapide kreskas la afero
Per laboro de la esperantoj.

Forte staras muroj de miljaroj
Inter la popoloj dividitaj;
Sed dissaltos la obstinaj baroj,
Per la sankta amo disbatitaj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos,
Ĝis la bela sonĝo de l' homaro
Por eterna ben' efektiviĝos.

*1890*

## Надежда

Раздаётся в мире новый голос,
Полон мощи этот зов пророка;
Пусть теперь на всех ветрах Эола
Он летит до каждого порога.

Он зовёт не к сабле кровожадной –
К единенью всех в семью большую:
В этот мир, от вечных войн разладный,
Он несёт гармонию святую.

Под святым знамением надежды
Собрались колонны миротворцев,
И работать будут до победы
Безустанно сонмы ратоборцев.

Не сдаются крепости столетий,
Беспощадно разделив народы,
Но разрушатся преграды эти
Святостью любви, добра, свободы.

На нейтральном языке общаясь,
Без проблем друг друга понимая,
Все войдут, в согласье единяясь,
В общий круг семьи земного рая.

Наше братство в деле благородном
Каждый день трудиться не устанет
До тех пор, пока мечта народов
Вечным благом на земле не станет.

## La Vojo

Tra densa mallumo briletas la celo,
Al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo,
Al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l’ sorto, nek mokoj de l’ homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
Ĝi estas, la voj’ elektita.

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante,
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L’ espero, l’ obstino kaj la pacienco –
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
Pri l’ tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, –
Ni semas kaj semas konstante.
“Ho, ĉesu!” mokante la homoj admonas, –
“Ne ĉesu, ne ĉesu!” en kor’ al ni sonas:
“Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos”.

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj

## Путь

Вот цель нам мерцает сквозь сумрак холодный,
И к ней наши все устремленья.
Как свет благородный звезды путеводной,
Она нам даёт направленье.
И нас не пугают ночные виденья,
Удары судьбы и людей осужденья,
Ведь чётко намеченный, обетованный
Пред нами наш путь, Богом данный.

Так прямо, отважно, всегда безустанно
Идёмте вослед идеалу!
Ведь капля за каплей, стуча непрестанно,
Пробьют и гранитные скалы.
Надежда, упорство, терпенье святое –
Вот те начертания, силою коих
Мы мало-помалу, с трудом постоянным
Придём к идеалам желанным.

Мы сеем и сеем, и пусть не устанет,
Кто мыслит о будущем ясном.
Пусть сто семян канут, пусть тысяча канет, –
Мы сеем и сеем всечасно.
“О, хватит!” – с насмешкою кто-то заметит, –
“Не хватит, не хватит!” – им сердце ответит:
“Упорно вперёд! И прославят вас внуки
За все ваши правые муки”.

От засухи или ветров разъярённых

Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unufoje signita!

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco –
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

*1896*

Мы вялые листья теряем,
Спасибо ненастьям за нас, закалённых,
Мы свежие силы вбираем.
Уже не умрёт наше стойкое племя,
Его не убьют ни метели, ни время,
Упорно идут все, кто в битвах созрели,
К однажды намеченной цели!

Так прямо, отважно, всегда безустанно
Идёмте вослед идеалу!
Ведь капля за каплей, стуча непрестанно,
Пробьют и гранитные скалы.
Надежда, упорство, терпенье святое –
Вот те начертания, силою коих
Мы мало-помалу, с трудом постоянным
Придём к идеалам желанным.

## Preĝo sub la verda standardo

Al Vi, ho potenca senkorpa mistero,
Fortego, la mondon reganta,
Al Vi, granda fonto de l' amo kaj vero
Kaj fonto de vivo konstanta,
Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,
Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas,
Al Vi, kiu kreas, al Vi, kiu reĝas,
Hodiaŭ ni preĝas.

Al Vi ni ne venas kun kredo nacia,
Kun dogmoj de blinda fervoro:
Silentas nun ĉiu disput' religia
Kaj regas nun kredo de koro.
Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,

## Молитва под зелёным знаменем

Тебе, всемогущая суть мирозданья,
Создатель бескрайней Вселенной,
Тебе, кладезь правды, любви и познанья,
Ключ жизни извечной, нетленной;
Тебе, кого каждый иначе толкует,
Но кто одинаково в сердце бытует,
Тебе, кто всегда правит созданным миром,
Мы молимся миром.

К Тебе не приходим мы с верой домашней,
С амбициями разноверцев:
Различных религий умолк спор вчерашний,
И правит лишь вера из сердца.

Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala,
Ni staras nun, filoj de l' tuta homaro
Ĉe Via altaro.

Homaron Vi kreis perfekte kaj bele,
Sed ĝi sin dividis batale;
Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale.
Ho, kiu ajn estas Vi, forto mistera,
Aŭskultu la voĉon de l' preĝo sincera,
Redonu la pacon al la infanaro
De l' granda homaro!

Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunuigi l' homaron.
Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,
Sed lasu nin venki la baron;
Donacu Vi benon al nia laboro,
Donacu Vi forton al nia fervoro,
Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj
Nin tenu kuraĝaj.

La verdan standardon tre alte ni tenos;
Ĝi signas la bonon kaj belon.
La Forto mistera de l' mondo nin benos,
Kaj nian atingos ni celon.
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero.

Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la

Лишь с ней, что для всех будет равно желанной,
Лишь с ней, Провиденьем навеки нам данной,
Всего человечества дети отныне,
Стоим у святыни.

Ты создал людей образцом совершенства,
Они ж разделились, лютуя,
Народ над народом алкает главенства,
Брат брата свирепо бичует.
И кем бы Ты ни был, о Дух вездесущий,
Услышь этот голос, молитву несущий,
Верни человечеству мир первозданный,
Такой долгожданный!

Клянёмся работать, клянёмся сражаться,
Воссоединяя народы.
Творец, поддержи нас, не дай нам сломаться,
Дай сил одолеть все невзгоды;
Напутствуй, Творец, нас на правое дело,
Чтоб дело святое навек преуспело,
Чтоб мы в битвах против нападок зловражных
Стояли отважно.

Мы дружно поддержим зелёное знамя;
Оно – знак добра и надежды.
И Дух благотворный всегда будет с нами
До нашей желанной победы.
Мы между народами стены разрушим,
И мы навсегда пламя злобы потушим.
Любовь, справедливость – две ценности эти

manoj,
Antaŭen kun pacaj armiloj!
Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj
Ni ĉiuj de Di' estas filoj.
Ni ĉiam memoru pri bon' de l' homaro,
Kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro
Al frata la celo ni iru obstine
Antaŭen, senfine!

*1905*

Воскреснут на свете.

Обнимемся, братья, плечом к плечу встанем!
Вперёд, к нашей мирной победе!
Христиане, евреи, магометане,
Мы все – Всемогущего дети.
Всегда будем помнить о благе народов,
Нас не остановят враги и невзгоды,
Мы к цели великой придём, несомненно.
Вперёд, неизменно!

## Pluvo

Pluvas kaj pluvas kaj pluvas kaj pluvas
Senĉese, senfine, senhalte,
El ĉiel' al la ter', el ĉiel' al la ter'
Are gutoj frapiĝas resalte.

Tra la sonoj de l' pluvo al mia orelo
Murmurado penetras mistera,
Mi revante aŭskultas, mi volus kompreni,
Kion diras la voĉo aera.

Kvazaŭ ia sopir' en la voĉo kaŝiĝas
Kaj aŭdiĝas en ĝi rememoro...
Kaj per sento plej stranga, malĝoja kaj ĝoja,
En mi batas konfuze la koro.

Ĉu la nuboj pasintaj, jam ofte viditaj,
Rememore en mi reviviĝis,
Aŭ mi revas pri l' sun', kiu baldaŭ aperos,
Kvankam ĝi en la nuboj kaŝiĝis?

## Дождь

Льётся дождь, льётся, и льётся, и льётся
Без конца, без края, без срока,
От небес до земли, от небес до земли
Капли падают, бьются с отскоком.

Сквозь шуршанье дождя напряжением уха
Различаю таинственный ропот,
Я хотел бы понять, погружённый в мечтанья,
Дуновений загадочный шёпот.

Словно грустное что-то тот голос скрывает,
Струны памяти вдруг зазвучали…
И сбивается сердце от странного чувства
То ли радости, то ли печали.

То ли прошлое, скрытое в тучах забвенья,
В моей памяти вдруг оживилось,
Или вижу в мечтах я грядущее солнце,
Что сейчас пеленою укрылось?

Mi ne volas esplori la senton misteran,
Mi nur revas, mi ĝuas, mi spiras;
Ion freŝan mi sentas, la freŝo min logas,
Al la freŝo la koro min tiras.
*1909*

Не хочу я исследовать таинство чувства,
Я дышу, наслаждаюсь, мечтаю;
Свежесть чувствую я, меня свежесть прельщает,
Я всем сердцем её обожаю.

## Julio Baghy
### La Majstro mortis

Ne estis mi tie,
preĝante plorpie,
katenis min sklave Siberio.
La famon ne brue,
nur poste, malfrue,
simile al eĥo de mortkrio
mallonga sciigo alportis:
"La Majstro mortis!"

Sed scias mi sente,
ke oni sensente
plezurojn pelante babiladis,
eĉ kiam plorante
la ĉerkon portante
amaso funebra trapaŝadis.
Mallonga sciigo alportis:
"La Majstro mortis!"

Por ili jen homo,
eĉ malpli – nur nomo
sin kaŝis por ĉiam en la ĉerko...
Por ni, funebrantoj,
por pacbatalantoj,
ĝi gardas kreinton de mondverko.
Mallonga sciigo alportis:
"La Majstro mortis!"

*El la libro "Preter la vivo" (1922)*

## Дьюла Баги
### Маэстро умер

Я не был тогда там
со скорбным обрядом,
Сибирь меня в цепи заковала,
держала в незнанье;
с большим опозданьем,
как эхо, известие догнало.
И я словно вдруг обезумел:
"Маэстро умер!"

Но сердцем я знаю,
что масса людская,
отставив забавы, наблюдала,
как в день невесёлый,
неся гроб тяжёлый,
процессия скорбная шагала.
Никто из них не обезумел:
"Маэстро умер!"

Для взглядов из окон
простой человек он,
лежащий в гробу, готовый к тленью…
Для шедших за телом
и преданных Делу
он – гений всемирного значенья.
И каждый из нас обезумел:
"Маэстро умер!"

*Перевод Людмилы Новиковой (2017)*

# EŬGENO JEVTUŜENKO MORTIS...



*Eŭgeno Jevtuŝenko en Miass (foto de L. Novikova)*

Por mi, kies juneco pasis en la 60-aj – 70-aj jaroj, la fenomeno "Eŭgeno Jevtuŝenko" signifis multon. Li estis kulta poeto en tiu periodo, same kiel Andrej Voznesenskij, Bella Aĥmadulina, Bulat Okuĝava, kiuj kolektadis por siaj poeziaj vesperoj plenplenajn salonojn kaj eĉ stadionojn da vervaj poeziŝatantoj. Mi, loĝinta tiam en malgranda urala urbo Miass, ne povis vizitadi tiujn aranĝojn, sed mi tutkore perceptis la freŝajn motivojn de la "printempa" poezio, legis novajn publikaĵojn de miaj adorataj poetoj. Komencinte en 1972 mian Esperanto-agadon, mi provis tradukadi iliajn versaĵojn. La 1-an de januaro 1976 la ĵurnalo "Literaturnaja gazeta" publikigis novan poemon de E. Jevtuŝenko "Trahakitejo" ("Просека"), kiu inspiris min por traduki ĝin al Esperanto. Mi sukcesis traduki nur apartajn ĉapitrojn de la poemo al tiu momento, kiam nian urbon vizitis mem Jevtuŝenko. Tiu grandioza por mi evento okazis somere de 1976. Por la renkontiĝo kun la fama poeto kolektiĝis anoj de la loka literatura rondo, komsomolaj aktivuloj kaj ĝenerale ĉiuj ŝatantoj de la moderna poezio. Mi ankaŭ ĉeestis la aranĝon, post kiu mi havis feliĉon paroli kun Jevgenij Aleksandroviĉ, rakonti al li pri mia tradukado de lia poemo al Esperanto kaj transdoni al li manuskripton de la tradukita parto. Laŭ mia memoro tio estis la sesa ĉapitro de la poemo. La poeto lasis sian aŭtografon sur la ekzemplero de la ĵurnalo kun la poemo (vidu la foton). Estas interese, ke la nomon de nia lingvo li skribis latinlitere, kio atestas, ke li konis tiun ĉi vorton. Bedaŭrinde, en miaj arkivoj ne konserviĝis tiu tradukvarianto de la poemo. Plejverŝajne, ĝi ne estis perfekta, tamen estus interese por mi legi ĝin nun. Eble mi provu denove traduki ĝin?

Omaĝe al la poeto de mia juneco mi ĵus tradukis lian faman versaĵon kaj proponas ĝin al la legantoj de REGo.

***Ludmila Novikova (Moskvo)***



И с бамовских
грозно скрежещущих просек,
с этих камней и пней
я вижу эпоху, которая даже не просит —
требует слова о ней.

**6.**

Когда распадается
чувство действительности,
как будто действительности — никакой,
то страшно хочется лечь и вытянуться,
не шевеля ни ногой, ни рукой.
«Ногой шевелить?
Еще можно во что-нибудь вляпаться...
Рукой шевелить?
Не оттяпали бы руки...»
Таков шепоток человеческой
внутренней слабости
и подлые внешние шепотки.
И так лежит человек,
не шевелится,
хотя он при этом весьма шевелится:
на службу ходит и в тирах целится,
на выпивончиках веселится.
Но это его движение ложно:

«Да он там родился...» —
усмешки не пряча
я стиснул коктейль недопитый в руке.
Передо мной
был камень лежачий
в замшелом замшевом пиджаке.
Вы в нашем споре давно проспорили,
стараясь не видеть со стороны,
как выворачивает
бульдозер истории
лежачий камень
«холодной войны».
Вы за Россию
«переживаете остро»,
а в то же время, как ни крути,
лежачим камнем
трагедия Ольстера
сейчас у Британии на груди.
Вы нас учили свободе,
учили,
но вот вам урок,
неопровержим:
на горле моих товарищей в Чили —
лежачим камнем
фашистский режим.
Об этом заботьтесь,
и, кстати, о вечности
и о невечном шаре земном.

## Идут белые снеги…

Идут белые снеги,
как по нитке скользя…
Жить и жить бы на свете,
но, наверно, нельзя.

Чьи-то души бесследно,
растворяясь вдали,
словно белые снеги,
идут в небо с земли.

Идут белые снеги…
И я тоже уйду.
Не печалюсь о смерти
и бессмертья не жду.

Я не верую в чудо,
я не снег, не звезда,
и я больше не буду
никогда, никогда.

И я думаю, грешный,
ну, а кем же я был,
что я в жизни поспешной
больше жизни любил?

А любил я Россию
всею кровью, хребтом –
её реки в разливе
и когда подо льдом,

дух её пятистенок,
дух её сосняков,
её Пушкина, Стеньку
и её стариков.

Если было несладко,
я не шибко тужил.
Пусть я прожил нескладно,
для России я жил.

И надеждою маюсь
(полный тайных тревог),

## Pasas blankaj neĝeroj…

Pasas blankaj neĝeroj
kiel vintra eskort'…
Vivus plu mi sur tero –
Ne permesas la sort'.

Svagas ies animoj
en nebula aer',
kiel blankaj neĝ-glimoj
supreniĝas de l' ter'.

Pasas blankaj neĝeroj...
Kaj mi ankaŭ ĉe sojl'.
Min ne tuŝas malvero –
pri senmorto konsol'.

Mi ne estas ja Kristo,
nek neĝero, nek stel',
kaj ne plu mi ekzistos
sur la ter', en ĉiel'.

Kaj mi pensas, pekanto,
pri la fina problem':
kion mi en viv-vanto
amis pli ol min mem?

Amis pli mi Ruslandon,
pli – ĝis abnegaci' –
riverfluojn transrandajn
kaj sub vintra glaci',

la eltrabajn kabanojn,
la odoron de pin',
saĝajn oldvilaĝanojn
kaj poeton Puŝkin'.

Kiam estis misfarte,
ne desperis tro mi.
Se mi vivis malglate,
Vivis mi por Rusi'.

Kaj mi havas esperon
(plena de kaŝ-anksi'),

что хоть малую малость
я России помог.

ke mi metis et-eron
por prosper' de Rusi'.

Пусть она позабудет,
про меня без труда,
только пусть она будет,
навсегда, навсегда.

Eĉ se ĝi min forgesos –
ne en tio ja kern', –
ĝi ekzistu sen ĉeso,
por etern', por etern'.

Идут белые снеги,
как во все времена,
как при Пушкине, Стеньке
и как после меня.

Blanka neĝ' samokazis,
kiel en tempa er'
de Puŝkin' kaj de Razin[1],
kaj post mi sur la ter'.

Идут снеги большие,
аж до боли светлы,
и мои, и чужие
заметая следы.

Pasas neĝoj blankpuraj,
dolorhelas ĝis blind',
ili kovras la spurojn
kaj forkovras ja min.

Быть бессмертным не в силе,
но надежда моя:
если будет Россия,
значит, буду и я.

Pri senmort' mi ne tristos,
sed esperas mi pri:
se Rusio ekzistos,
do ekzistos plu mi.

1965

----------------------------------------

# *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### La ekspozicio "Ĉefverkoj el muzeoj de Vatikano"

Plu vivas la tempo enbilde natura.
Tomaso en sia nekredemo.
Al sankta Heleno vizio l' aŭgura.
Jesu' priplorata – krio, ĝemo.

Ne velkas geni' de l' penik-alvokitoj,
Ĉe kiuj la tempo kvazaŭ spiras.
Magie sur toloj plu vivas la mitoj,
Kaj vokas potence, kaj altiras.

[1] Stepan Razin (Stenjka Razin) – rusa kozako de la Dona regiono, la gvidinto de amasa kontraŭcara popola ribelo en Rusio (1670-1671).

Francisk' el Asizo: l' boranta rigardo.
Davido, venkinta l' grandegulon.
De tempoj pasintaj majesto kaj ardo
Ensorĉas l' animon kaj l' okulon.

Timiga Judita. Sanktul' torturata.
Suferoj kaj gloro, dub' kaj kredo.
Ĉirkaŭas vasteco de l' viv' senkompata
Kaj tenas, kaptite, ĝis obsedo.

Impresoj drastiĝas, inundas, doloras
Ĉe la bildigita vivoceano.
Ne Dion – la arton, la homon ĝi gloras,
La pinakoteko el Vatikano.

---------------------------------------------------------------------

**APERo**

*(AntaŭPrintempa Esperanto-Renkontiĝo)*

El premoj de la malespero,
El la ĉiutaga amar'
Denove alvokis APERo –
Kuniĝ' de esperantistar'.

Tra morno de la atmosfero,
En la vintrofina nebul'
Denove ĝojigis APERo –
La esperantista insul'.

En hela etos' de libero
Kaj flugildonaca valor'
Denove brilverdas APERo
Je la amikeca favor'.

La bonesperiga rivero –
Nek tim', nek malvarmo, nek dram'.
La plej grandan dankon, APERo,
Al via mirinda team'!

Eĉ dum negastama vetero

Forvelkis ofendoj kaj trist'.
Aperu sen dub' en APERo –
Jubilo de l' esperantist'!

------------------------------------------------------------------

## La Tero ne pereu!

*omaĝe al la Jaro de ekologio*

Ĉiam pli danĝeraj scioj-trovoj.
Ruboamasiĝ' de jar' al jar'.
La tergloba varmokresk'. Elprovoj
De supernatura armilar'.

Ĉie spiroj de veneninvado
Antaŭdiras pri la vivdetru',
Sed restaĵoj de la homagado
Pereigas la planedon plu.

Kunneniigante ankaŭ l' homon,
Mortas lag', arbar', ekosistem'.
Ni mortigas nin kaj nian domon
Propramane, sen antaŭvidem'.

Tamen, povas esti, ni ne ĉion
Perdis dum senhalta nia kur'
Kapti kaj konkeri plikajplion,
Ignorante voĉon de l' mezur'.

Kio pri enigmaj vivoformoj
Dume sen klarigoj de l' scienc',
Laŭ nekomprenataj leĝoj-normoj –
Ĉu bonesperiga vivtendenc'?

La naturo penas resti viva
Ĉiel ajn, je ajna vivekstrem',
Kaj al ĝi per la kunsaĝ' aktiva
Helpu ni almenaŭ por ni mem.

*Miĥail Jemcev, Jeremej Parnov*

# REVENIGU LA AMON

*La tuta oficira, serĝenta kaj soldata personaro*
*ricevos la surogatkopiojn de siaj amatinoj.*
*Ili neniam plu rekontaktos. Per la kompetentaj*
*kanaloj tiuj ĉi kopioj estas resendeblaj.*
***Hemingway***

Skarlataj steletoj – sur la freŝajn rabotaĵojn. Gut', gut', gut'. Barton kliniĝis por ne malpurigi sin. La varmaj strifluetoj ekkuris pli gaje. Venis stranga dolĉeta konsumiĝo. En la kapo ekfrapis dizelo, al la gorĝo alpaŝis naŭzo.

Li surgenuiĝis kaj kuŝiĝis singarde. Li turnis sin sur la dorson kaj alĉieligis permentone. Laŭeble pli alte por haltigi la sangon. Tuj la internaĵo de la buŝo iĝis adstringa kaj salgusta. Lazura mondo komencis lante rotacii kaj poste eknaĝis. Li ankoraŭ sentis, endormiĝante, la polvozan dornaron de la herbo, kaj la pintajn rabotaĵojn sub la manoj, kaj la sekiĝantan sangon sur la supra lipo.

Sed la sirenon li jam ne aŭdis.

Alveturis hospitala aŭto. Oni zorgeme kuŝigis lin sur brankardon kaj ektransportis. Jam laŭvoje oni analizis la sangon, mezuris la temperaturon, kalkulis malfortajn ek-ektremojn de la pulso.

Kiam post kvar horoj Allan Barton rekonsciiĝis en la tenerverda hospitala ĉambro, la diagnozo estis nedubinda kvazaŭ la konstanto de Boltzmann: "Akuta radia sindromo". Cetere, pli ofte oni nomis ĝin simple "radia malsano" aŭ "blanka morto" laŭ la slango de la soldatoj-gardistoj.

En la hospitala ĉambro regis kuracilodora silento. De tempo al tempo klaketis la komutilo pri regulado de temperaturo kaj humideco, kaj sonĝritme zumis jonumilo.

– Li ne povis priradiiĝi. Mi garantias perkape. – Tiujn vortojn majoro pri medicina servo Tavolsky ripetadis kiel sorĉaĵon. – La lastaj provmezuroj sur la pafkampo okazis antaŭ kvar tagoj. Mi mem kontrolis la tutan personaron poste. Ĉe Barton, samkiel ĉe aliaj, kompreneble, ĉio estis en ordo. Jen, en la agendo mi fiksis ĉion. Ankaŭ estas ĉi tie Barton. La dudeksesa de julio, la dekunua... Indiko de la kontrolaparataro – normo. Kaj poste okazis nenio.

– Ĉu li ne vizitis la pafkampon poste? – demandis la ĉefkuracisto.

– Tio estus definitiva idiotismo!

– Ĉu vi opinias, ke ĝuste tiun argumenton mi devas prezenti al la generalo? – La ĉefkuracisto ironieme levis brovon.

– Sed tio ne koncernas nin. Ili mem serĉu. Mi certas, ke en ĉi momento li jam organizas esplorkomisionon.

– Tute konsentinde, kolego. Mi diros al vi eĉ pli: ĝuste ĉi-momente li enkomisionigas vin.

Tavolsky elmetis cigaredojn, kaj la ĉefkuracisto tuj premis butonon de la ventolilo.

– Kion vi jam entreprenis? – demandis la ĉefkuracisto, lacmove etendante antaŭen siajn grandajn manojn kun ŝvelintaj vejnoj.

– Ni injektis ducent mil unuojn da kiparino... Nu, certe, temperaturo, pulso, sangopremo...

– Necesos punkcii kaj preni tranĉpecon de la epidermo.

– Certe. Mi jam ordonis. Se ni scius, kiu lia organo konkrete estas lezita... Ni povus provi almenaŭ iomete haltigi cirkuladon de la detruitaj ĉeloj.

La ĉefkuracisto silente kapjesadis. Ŝajnis, ke li endormiĝas. La pezaj palpebroj senforte faladis malsupren kaj malrapide leviĝadis.

– Kiam vi povos determini la ricevitan dozon? – La demando ekpafis seke kaj akre.

– Post kelkaj tagoj. Kiam klaros la kinetiko de plimultiĝo de leŭkocitoj.

– Tio estas ne la plej perfekta metodo.

– Sed kion vi povas proponi?

La ĉefkuracisto tiris ŝultron kaj pli etendis sian lipon.

– Estus tre bone, se iu fakulo pri sango okupiĝu speciale pri li, ĉu ne?

– Ĉu eble nur Cowen?

– Jes, ja. Telefonu al li. Petu en mia nomo alveni. Diru, ke tio estas ne porlonge. Ne tro porlonge…

– Tio estas... ĉu vi opinias?.. – mallaŭte demandis Tavolsky.

– Tian antaŭsenton mi havas. Se li estus la unua... La komenco estas malbona. Tre malbona.

– Sed pasas ja nur la kvina tago!

– Tutegale nenio bonas. – La ĉefkuracisto kapneis. Kian temperaturon li nun havas?

– Tridek sep ekzakte.

– Verŝajne, malrapide plialtiĝos... Do, ni atentu. – Kun rimarkebla fortostreĉo li stariĝis de la tablo kaj etendiĝis perkorpe.

– Do, telefonu al Cowen. Jam hodiaŭ. Kaj nun ni iru al li. Mi intencas ankoraŭfoje ekzameni lin.

*La 1-a de aŭgusto 19**. Mateno. Temperaturo – 37,1. Pulso – 78.*

Barton vekiĝis jam delonge, sed kuŝis kun la fermitaj okuloj. Li jam estis ĉion scianta kaj komprenanta. Hieraŭ en lian ĉambron oni metis sanganalizan instalaĵon. Se temas pri la ekspresaj analizoj, do la afero malbonas. La sangon oni analizis trifoje dum tago. Kuracistoj de tempo al tempo ĵetadis nekompreneblajn frazojn.

Ĉio ci havis iun minacan sencon.

Barton eksentis, ke Tavolsky prenis lian pojnon. Li iom tenis ĝin kaj kuŝigis reen sur la litkovrilon.

– Nu, kion vi pripalpis, Eyb?

– Ĉu vi ne dormas, Allan? La pulso estas bona. Kiel vi sentas vin?

– Tre strange, majoro. Tre strange.

– Kion vi aludas?

– Mi ne scias kiamaniere ekspliki al vi... Vidu, mi perceptas ĉion kiel sonĝon, misimpreson. Mi observas miajn manojn, pripalpas mian korpon – ja nenio ŝanĝiĝis, mankas videblaj lezoj. Ankaŭ la stato estas sufiĉe tolerebla. Taseton da kafo aŭ iomete da seka ĝino, kaj ĉio malaperos. Do, kio baras? Kial mi ne povas leviĝi? Kiu diris, ke mia sana korpo estas traborita de milionoj da nevideblaj kugloj? Kiu scias tion? Kial mi devas kredi tion? Mi pli volonte kredus al mia korpo. Ĝi aspektas tiom sana. Mi pravas, ĉu ne? Kaj tiam mi leviĝas, sidiĝas sur la lito, metas sub min kusenon. Kaj malrapide venas varmego al la vangoj, la spirado iĝas malfacila, malvarma ŝvito aperas sur la frunto, varmega ŝvito inundas mian gorĝon. Mi komencas senti min tiom malbone, tiom malbone... Kaj mi falas reen sur la liton kaj longe-longe ne povas rekonsciiĝi. Ĉio perfidas min, ĉio mensogas. Mia korpo, la memoro, logiko, la okuloj. Jen kiel mi sentas min, Eyb. Tre strange. Ĉu vi komprenas nun kion signifas "tre strange"?

– Mi ĉion komprenas, dok'. Tamen vi ne plu devas fari tiel.

– Ĉu mi ne devas? Kion mi ne devas fari? Ĉu tre strange senti min?

– Ne pri tio temas. Vi ne devas levi vin. Vi devas nur kuŝi.

– Por kio?

– Ja vi estas saĝulo, dok'. Genia fizikisto! Ĉu mi devas ekspliki al vi, kial necesas kuŝi?

– Jes. Bonvolu klarigi, kial? Mi ne komprenas. Mi estas mortkondamnita, sed mi devas kuŝi. Kiusence? Tamen, por kio ni diskutas, tutegale mi ne povas leviĝi. Kia stranga estas ĉi fenomeno, tiu nevidebla morto! Mi dume nenion sentas, scias, sed jam estas mortkondamnita. La horloĝon oni funkciigis kaj la mino tutegale eksplodos. Jen, tiele, Eyb... Prefere rakontu kio estas nova en la bazo.

– Dio mia, kio nova povas esti tie! Ĉiuj treege maltrankviliĝas, tre kompatas vin. Ili deziras vidi vin.

– Ne necesas. Mi deziras vidi neniun.

– Kompreneble. Tamen vane vi entombigas vin. Ja ĉio estas ne tiom terura, vi konvinkiĝos. Ni ellitigos vin. La iaman sanon vi, certe, ne havos, sed ni ellitigos vin. Nenio danĝeras dume.

– Diru sincere, Eyb, kiom mi kaptis?

– Mi ne scias, Allan. Mi ne scias!.. Ja ni entute ne scias, kie kaj kiel tio okazis. Ĉu ni povas scii pri la dozo? Atendu iom, ĉio klariĝos baldaŭ.

– Nu, almenaŭ proksimume, Eyb, proksimume! Ĉu pli ol sescent aŭ malpli?

– Nenion mi povas diri al vi. Cetere, kial vi opinias, ke sescent estas mortiga dozo?

– Mi legis.

– Ĉio ĉi estas stultaĵoj. Ĉio dependas de la speco de radiado kaj de tio, kiuj organoj konkrete estas lezitaj. Mi konis iun ulon. Li kaptis mil ducent... Sed la alia, li ricevis nur... Unuvorte, ne plenigu vian kapon per bagateloj. Eble vi deziras renkontiĝi kun iu el viaj proksimuloj? Sciigu. Mi komunikos.

– Ne, Eyb, dankon. Mi ne havas proksimulojn, kun kiuj mi ŝatus renkontiĝi... nun. Poste – mi ne scias, sed nun – ne, mi ne deziras.

– Ĉu mi alportu iun beletraĵon? Ĝi amuzos vin. Mi preskribis al vi la glukozan gutinjektadon kun fiziologia solvaĵo. Tio estas sufiĉe longa proceduro. Tiukaze la plej taŭga okupo estas legado. Mi povus alporti por vi iun detektivaĵon.

– Dankon, Eyb. Mi preferus sciencfikcion. Ĝi foratentigas ne nur de la malsano, sed ankaŭ de la laboro. Ĝi kreas efekton de la ĉeesto. Kvazaŭ oni ĝis nun estas iama ĉiopova esploristo, sed ne duonkadavro. Al ni, fizikistoj, oni devas konstante subŝovi iun laboron. Laborpaŭzoj putrigas nin. Sciencfikcio estas tre konvena surogato. Trovu por mi iun sciencfikciaĵon, Eyb.

*La 2-a de aŭgusto 19**. Nokto. Temperaturo – 37,2. Pulso – 78.*
*Sangopremo – 137/80*

Ĉu mi ne havas proksimulojn, kiujn mi dezirus vidi ĉi tie? Ĉu mi ne havas proksimulojn?! Sed Deniza? Kial tiom forte turniĝas la kapo? La spaco volviĝas tube kaj distiriĝas konuse. Kia brusona kaj sonora estas eĥo ĉi tie! Pli rapide – en tiun ĉi tonelon el la lumaj cirkloj. Pli rapide – reen. Kaj mi ekvidos Denizan.

Brilegas nokto. Brulas, kolorŝanĝas, ek-ekbrilas la gaslumaj tubetoj de reklamoj. La multetaĝaj hoteloj estas inunditaj de lumo. Ili similas al diafanaj, flavaj, iomete duonnebulaj kristaloj. Senhomas la ŝoseo. La plaĝo estas dezerta kaj malhela. La fabela arbaro el kliniĝintaj konusoj. Tio estas la mallevitaj diverskoloraj tegmentoj de kafejoj. Ie ludas muziko. Kaj laŭtakte al ĝi frapegas obtuza ond-alfluo. Maldekstre de ni – kazino kaj noktaj restoracioj. Vento alportas odorojn de parfumo kaj de putrantaj fruktoj. Dekstre – la nigra profundego de la oceano kaj plaĝo, kiu ŝajnas esti droninta. Apenaŭ videblas fajretoj de la ŝipoj en la ekstera rodo. Okulumas la blanka ciklopa okulo de lumturo. Kaj ni iras laŭ la vojo, ombrigita de foliaro. Preter diverskoloraj fajroj kaj prilumitaj eksponfenestroj, tra la fantoma plaĝo.

Sed jen la vojo disforkiĝas. La prilumita parto turnas sin al la oceano. Tio estas vojo al la haveno. Kaj, allogataj de la potenca tradicio, ni iras en la malhelon, por interkisi sub la stratlanterno, estingiĝanta en maldiafanaverda insuleto de la hela akvo. Ni estis solaj sur la vojo, sed tie ni ne estos solaj. Tamen ni iras, kvazaŭ altirataj per magneto.

Sur la kajo – oldulo-fiŝkaptisto. Li movas super la profundego sian fiŝkaptilon. Areto da mallarĝaj malhelaj fiŝetoj alnaĝis al la fajro. Ili balanciĝas en la laktaverda ondofrapejo, poste malaperas en la nafte nigra akvo kaj denove revenas, krucnaĝante limon, naskitan de la lanterno. La oldulo misklopodas. Li vantkuradas sur la kajo, klinante sin super la parapeto. Senlace li movas la fiŝkaptilon, sed la fiŝoj kaptiĝas tre malofte. Li kaptas je vivaj kankretoj. Mi mem kaptiĝus je ĉi loĝajo, sed la stultaj fiŝoj ne deziras. La tuta fiŝaro balanciĝas en la ondoj, blindigita, sorĉita. Ĝi malaperas sub la kajo kaj aperas denove. Surventre de la oldulo pendas gasmaska sako. En ĝi dume tremetas kvin fiŝetoj. Li montris ilin al ni, kaj la profundaj sulkoj sur lia vizaĝo glatiĝis pro infana feliĉo. Li estas kontenta, la meznokta fiŝkaptisto.

La oceano gutpolve disbatas sin ĉe la parapetaj palisegoj. Salo kaj freŝeco degelas sur niaj lipoj. Plaĝbenkoj estas humidaj. La kapoj de la senmove starantaj amparoj ankaŭ respegulas humidan brilon.

Ni foriras reen, en malhelon. Kaj mi vidas fine de la aleo helan ruĝan punkton. Ni preskaŭ kuras, por, anhelante pro rido, ekvidi ankoraŭ unu noktan frenezulon – vendiston de rostitaj nuksoj, kiu disblovas karbojn en la truhava fera brulkarbejo.

Poste, tenante en la manoj la varmegajn, bonodorajn papersaketojn, ni denove rapidas en la malhelon, por ĵeti nin sur la dume varman sablon. Mi elfosas kaveton kaj zorgeme metas tien mian brulantan fajrilon. Jen nia malgranda insuleto en la nokto, kie dronas la mondo. Ruĝetaj rebriloj kuŝiĝas sur la vizaĝon de Deniza. Kaj ombroj sub la okuloj iĝas pli nigraj

kaj profundaj. Tri nigraj abismetoj: la okuloj kaj la buŝo. Ni naĝas tra la eterno – du varmaj buletoj subite ekkredintaj je fabelo. Ŝajnas al ni, ke ni vivos eterne kaj nia amo ankaŭ estos eterna.

Poste mi diris al ŝi: "Tri jarojn". – "Tri senfinajn jarojn!"– diris ŝi. "Nur tri jarojn", – ridetis mi. Dio mia, post dek unu monatoj finiĝos la daŭro de mia kontrakto... Ne finiĝos – estis finiĝonta. Nun la tempo haltis, kaj la kontrakto estas daŭrigita ĝis la Lasta juĝo.

Mi nenie menciis pri Deniza. Eĉ neniu formularo. Por la milita departamento mi ne havas fianĉinon. Alikaze ŝi estus kopiita je la molekula karto. Nun, eĉ se mi volos, ni renkontiĝos neniam. Jure ŝi estas fremda persono. Fremduloj ne rajtas eniri en la sekretan bazon. Oni ne permesos al ŝi eĉ eniri, se dank' al iu miraklo ŝi ekscius pri mi kaj volus veni. Sed ŝi ne scios. Skribi de ĉi tie eblas nur al proksimaj parencoj, sed Deniza estas fremda persono. Ŝia adreso forestas en la speciala adresaro de la komunikservo. Se mi skribos leteron al ŝi, tutegale oni retenos ĝin. Jen kion kostas rifuzo de la molekula karto. Eĉ pri la fakto, ke mi malaperis el tiu ĉi mondo, ŝi scios nur post unu jaro... Tamen mi ne bedaŭras. Alikaze jam morgaŭ matene mi vidus la molekulan kopion ĉe mia lito. La pupon, kiu scipovas karesi kaj larmi. Ĝi havas elastan varman haŭton, la saman voĉon kaj ridon, la saman kutimon surmeti ŝtrumpon, etendante antaŭen la kruron. Ja mi estas tiom sola ĉi tie, mi tiom sopiras. Kaj mi ne rimarkos la anstataŭon. Mi ne sukcesos dum du semajnoj de la kurta feliĉo rimarki la mensogon. Kaj la pupo adiaŭos kun mi, kaj mi kisos ĝian malvarman, larmozan vangon. Adiaŭ, adiaŭ! Adiaŭ, la unika multekosta aŭtomato, ci neniam disfamigos strategiajn sekretojn!

Al nia fora pafkampo, kie sensone kaj nevideble eksplodas neŭtronaj bomboj kaj gama-lustroj, de tempo al tempo venas virinoj. Unu fojon por du semajnoj. Ŝajnas al mi, ke ili ĉiuj estas pupoj. Ĉar kial ja poste la viroj tiom amare kaj freneze drinkas en soleco? Ili drinkaĉas, verŝante, kiel akvon, "La ruĝan ĉevalon". Ili deflankigas la okulojn, malestimante sin, kruele kaj akre sopiras.

Sed eble, ĉio ĉi estas misimpreso kaj al ili venas veraj virinoj el karno kaj sango? La molekulajn kopiojn oni produktas nur por la plej ekstraj kazoj. Estas interese, ĉu tio, kio okazis al mi, estas ĝuste "ekstra kazo"?

Tamen, verŝajne, mi mem devus sperti tion, por kompreni miajn samsortulojn. Mi ne kredas, ke oni sukcesos kopii ankaŭ Denizan. Ja ne eblas revenigi forpasintajn momentojn, kaj tiu plaĝa nokto ankaŭ ne estas revenigebla. Kiom ajn perfekta estu la nova formo, ĉiam ĝi estas nova. Nova en la tempo. Ĝi ne havas pasintecon, ĝi havas nur fremdan memoron. La memoron de Deniza pri tiu nokto, sed ne Denizan, trairintan la nokton.

Mi aŭdis la historion de iu militpiloto. Li batalis en niaj milittrupoj, agantaj en ĝangalo. Malgranda loka milito. Sed ankaŭ tiaj militoj havas siajn viktimojn.

Ilian bazon oni atakis nokte.

La atakintoj aperis kvazaŭ gnomoj el sub la tero. Ili ruligis asfaltpremilon sur la draton. En teruraj fajreroj, kun siblado kaj klakado ĝi enveturis la elektrobarilon kaj subtretis betonan stangon. Poste haltis – fumanta, brulspuroza pro fulmetoj. Ili ĵetis sin en tiun mallarĝan breĉon kun fusiloj surbruste kaj tavollignaj folioj superkape. Laŭ tavollignaj pontetoj, tra mallarĝaj litkovrile izolitaj rampobreĉoj ekfluegis la viva rapidkura rivero. Ekhurlis sirenoj. Desur la turo frapis sagoj de lumo. En radioj de reflektoroj dancis strioj de pluvo kaj vaporis nebulflokoj (estis musona periodo). La atakintoj aplikis bazukojn, kaj la reflektoroj estingiĝis en okulfrapaj magneziaj rebriloj. Nia flanko enbataligis fajroĵetilojn. Varmegaj nuboj de napalmo, kontrastaj pro la nigraj strioj, bruligis la teron antaŭ la unua linio de la tranĉeoj. La malaltaj, maldikaj homoj kun mitraletoj kaj kurbaj glavoj estis falantaj en la lumplenan nubon, premante la manojn al la okuloj. Tamen ili troamasis. Ili daŭre penetris tra la draton. Al la dratbarilo ekpafis mitraloj. La spurhavaj kugloj forstrekadis la malhelajn figuretojn. Sed sur la loko de ĉiu falanto aperadis nova batalanto. En la tranĉeojn ekflugis grenadoj kaj fosforaj bomboj. En diversaj anguloj de la bazo aŭdiĝis eksplodoj. Eksplodis submetitaj de iu plastaj minoj. En la fenestroj de la oficira manĝejo krevis ĉiuj vitroj. Fajro lekis la garaĝon. El la ses helikopteroj restis nedifektita nur unu.

Niaj knaboj ŝargis siajn mitraletojn per specialaj diskoj. La kuglo kun blanka zoneto dispolvigas la homon. Kun histeria hurlo nokton kaj nebulon trakudris flavaj fadenoj. Ŝajnis, ke la atako sufokiĝis. Ankoraŭ unu sekundon de tiu fajro, kaj la kontraŭulo ne eltenos. Sed de ie el la ĝangalo la bazon atakis minĵetiloj. La atakantoj plifortigis la premon. Pro eksplodo de benzina bombo ekbrulis la stabejo. La telefona komunikado ĉesis. Centroj de la defendo estis disigitaj unu de la alia. La partizanoj sukcesis fiksi sin sur la teniskortoj kaj ĵetis sur niajn dislokejojn fajron de la pezaj mitraloj. La niaj ne povis eĉ levi la kapojn. Ie-tie la batalo bolis jam en komunikadaj tranĉeoj. La atakantoj majstre uzis siajn kurtajn glavojn kaj pli bone orientiĝis en la mallumego. Nia kolonelo enbataligis grupon de specialaj sabotistoj. En kamuflovestoj kun spirprotektiloj survizaĝe, ili kvazaŭ diabloj glitis en la nokton. Preskaŭ ne aŭdeble krevis grenadoj kun dormiga gaso. Ili lertis pri sia laboro. Post kelkaj sekundoj la tranĉeoj estis purigitaj, kaj baldaŭ silentis ankaŭ la mitraloj sur la teniskortoj. Denove sorto de la batalado pendis surfadene. La pesiltasoj ree ekbalanciĝis kaj venis al mova

stato.

Kaj denove la bazo ektremis pro serio da eksplodoj. La malpezaj tankoj rektocele pripafintaj la barilojn, difektiĝis. Ekbrulis la biblioteko. Subite helega lumo inundis la batalkampon. Hurlante leviĝis en la ĉielon fajrobrigado. Io brubatis kelkfoje, kaj super la tero leviĝis nuboj de lumo kaj fulgo. Sufoke kaj dolĉe odoris brulanta benzino. La stokejo por hejtaĵoj ĉesis ekzisti. Eksplodondo disbatis hangaron kun inĝenieraj maŝinoj. El la forbatitaj fenestroj de la stabejo karusele elflugadis paperfolioj. La kolonelo ordonis apliki la molekulan malintegrilon. Sed tuj evidentiĝis, ke iu ŝtelis la supersonajn borrojnojn. Tio estis komenco de la fino.

Ĉio fumis: la tero, la ĉielo, la akvo strifluanta desur la ĉielo. En la varmega nebulo misdirekte kuradis la malhelaj homfantomoj. La sabotistojn oni likvidis pounuope. Blendaŭtoj fermis breĉojn en la drato. Sed denove ekfunkciis la parigitaj mitraloj sur la teniskortoj. Evidentiĝis, ke la ĉefaj fortoj de la partizanoj, kiuj penetris la bazterenon, koncentriĝis en la nordokcidenta angulo de la pafejo. De la unua linio de tranĉeoj ilin apartigis nur larĝa naĝbaseno kun du porsaltaj turoj. Ĝuste sur tiuj turoj ili instalis nun siajn mitralojn. Hipnotitaj per la lumo, la malhelaj homaj figuretoj stuporiĝis, kiel en haltigita pantomimo. Oni dispafis ilin dum kelkaj sekundoj. Poste ekfunkciis niaj fajroĵetiloj. Napalmo disverŝiĝis sur la akva surfaco. Sed la batalantaj sur la kontraŭa bordo de la baseno partizanoj sukcesis retiriĝi ĝustatempe. Tamen ili pagis tro altan prezon. La mitraletoj preskaŭ tuŝe pafis la bonege videblajn celojn.

Fiksante la momentan sukceson, la kolonelo atakis la kontraŭulon per gaso. Tamen la partizanoj, kaŝvoje penetrintaj la malfronton, sukcesis eksplodigi altvoltan elektrostacion, kaj la plasmaj globoj krevis en la atmosfero, flagrinte per neimagebla viola koloro.

Raketistoj en la ĝangalo tuj plifortigis la fajron. Per grenadoj kaj bruligbomboj estis difektitaj la blendaŭtoj, kiuj estis defendantaj la barilon. Granda trupo da partizanoj penetris la teritorion kaj, multnombre perdante homojn, ĉirkaŭis la antaŭan defendlinion. Pafado aŭdiĝis nun de ĉiuj flankoj de la bazo. Manbatalado en la tranĉeoj ekis ĉiam pli ofte. La bazo dume kruele rezistis, sed ĝia sorto estis decidita. En per nenio defenditajn breĉojn enfluis ĉiam novaj kaj novaj trupoj de la atakintoj.

En la ĉielon leviĝis unusola el la nedifektitaj helikopteroj. Desur ducentfuta alto ĝi komencis dispafi la atakintajn grupojn, transflugante de unu flanko de la bazo al la alia.

De la turoj, kiuj tiutempe estis jam okupitaj de la partizanoj, oni komencis repafadon. La helikoptero estis devigita supreniĝi. La fino de la batalo jam ne estis dubinda. Subite la piloto rimarkis ĵetantan sin tien-reen inter

fumo kaj fajro virinan figureton. En la bazo estis nur unu virino – la edzino de la kolonelo, veninta al li por du semajnoj.

La helikoptero komencis malsupreniĝi. Super la tero mem, ne ĉesante pafi, la pafisto malfermis la pordeton kaj ĵetis eskalon. La virino kroĉis sin kaj haltis senmove. La piloto komencis levi la maŝinon. Tiam la virino moviĝis kaj rapidege ekgrimpis laŭ la balanciĝanta eskalo. Ĉe la pordeto la pafisto subtenis ŝin kaj entiris en la kajuton. Kaj lante kliniĝinte li ekflugis al la tero, trakudrita per mitrala pafvico. La piloto fermis la pordeton kaj suprenflugis.

Ĉirkaŭfluginte la brulantan bazon, la helikoptero direktis sin al la oceano, kie ĉe la bordo rodis aviadila ŝipo kun eskorto de gardistoj.

La sorto de la bazo estis tiumomente jam solvita. La partizanoj estis mortigantaj ĝiajn lastajn defendantojn. Ofte turnante sin antaŭen, la piloto kaj la virino ankoraŭ longe vidis la brulantan en mallumego ruĝan ringon.

Sed la helikoptero ne atingis la oceanon. Pro nesufiĉo de hejtaĵo la piloto estis devigita alteriĝi en marĉoza ĝangalo. La grandega dudekkvinjara bubo kaj miniatura virineto, antaŭ kies okuloj oni senkapigis ŝian edzon, trafis sufokan kaj putran praarbaron inter miraklaj plektaĵoj de aeraj radikoj. La virino ĉiuminute ekkriadis – ŝin timigis eventuala renkontiĝo kun serpentoj. Malvarmaj kaj glitecaj fungoj, duonmanĝitaj de helikoj, konstante tuŝis ŝin, kaj ŝi denove ekkriis, abomeneme tremante. Post kelkaj horoj loko, kiun tuŝis la fungo, ŝvelis, kaj ŝi rekomencis plori, amare plendante pri sia sorto. Unuvorte, ŝi kondutis same, kiel ajna civilizita virino, kiu neatendite trafis en ĝangalon. Tamen la piloton ne lasis suspekto. Ja li sciis, *kiu* povas veni al la milita bazo por du semajnoj... Kaj li atentis pri ŝi tage kaj nokte, kvazaŭ strebis konvinki ŝin pri iu terura ago.

Lia suspektemo kreskis de tago al tago. Iaj-tiaj kialoj ekzistis por tio. La virino ekkondutis rilate al li tiamaniere, kvazaŭ tute ne ŝi antaŭ nelonge, kaŝinte sin inter bareloj, vidis, kiel oni preterportis la kapon de ŝia edzo. Cetere, de tempo al tempo ankaŭ lin inundis ondo de iaspeca miskonscio. Ankaŭ li mem estis forgesanta tiam, ke ŝi havis la edzon – lian bonan amikon, kaj ŝajnis al li, ke ŝi vivis ĝuste kune kun li la tutan vivon kaj ĝuste al li ŝi alvenis por du semajnoj.

Sed foj-foje li iĝis freneza. Li turmentis ŝin per malicaj demandoj, kelkfoje kruele batis, por postminute petegi indulgon, zorgeme demetante per la lipoj larmetojn desur ŝia okulhararo. La amarajn, salajn larmetojn. Foje li disbatis sange ŝian lipon kaj kun streĉa intereso observis, kiel la helruĝa striflueto gutas laŭ la mentono kaj rustmakule disvastiĝas sur la seŭlona bluzo.

La sekvan tagon li karese kisis la brunan kruston sur ŝia ŝvelinta lipo,

tamen post unu horo demandis, kiom da tempo okupas koaguliĝo de ŝia sango. Ili iris tra la ĝangalo, kliniĝante sub pezo de la dorsosakoj. Lasante la helikopteron, ili kunprenis la tutan manĝaĝon. Sed ĉiutage la dorsosakoj fariĝis ĉiam pli malpezaj, tamen la fino de la turmenta vojo estis nevidebla. Ŝi humile kaj senreziste toleris la plej terurajn ofendojn. Kaj tio daŭre suspektigis kaj incitis lin.

Frenezaj paroksismoj kaptis lin ĉiam pli ofte. Jen per admono, jen per batoj li ajnrimede volis elŝiri konfeson. “Kio do ci estas?” – kriis li. Kaj tiom da sopiro enhavis tiu nehoma hurlo, ke ie en la ĝangalo respondis al ĝi bestoj kaj longe-longe ne povis trankviliĝi.

Sed ŝi ŝajne ne estis komprenanta kion li postulas. Ŝi facile ŝanĝadis larmojn je rido, fidele rigardante lin per siaj grandaj, violkoloraj okuloj.

Kaj foje nokte, kiam ĉirkaŭe, kvazaŭ okuloj de tigroj, lumis fungoj kaj bestoj laŭ nekonataj ĝangalvojetoj iris al akvo, li tute freneziĝis. “Mi devas scii, kio ci estas, – li raŭke diris. – Mi ne plu povas elteni tion. Diru al mi kio estas ci... Konfesu! Mi petas cin...”

Li vekis ŝin. Sed ŝi same kiel antaŭe ne komprenis kion li postulas, aŭ simple ŝajnigis sin esti ne komprenanta. Tiam li strangolis ŝin, konsciante tamen, ke li faras ion frenezan kaj nekorekteblan. Sed li ne povis halti. Kiam ŝi ĉesis konvulsii en liaj manoj, li ekkriis, ekkuris, implikiĝis en paraŝuta silko. Fine li liberiĝis kaj ekkuris, trarompante la humidan dornaron. Li kuris kaj samtempe provis rigardi siajn manojn. Sed mallumo ĉirkaŭis lin, kaj li nenion vidis, plu kurante. Li ne komprenis, kio finfine okazis, nek solvis, nek elembarasiĝis. Li kuris kaj konstante vokis ŝin, penante rigardi siajn manojn, sed nur vespertoj senbrue rapidflugis super li.

… El la arbaro li eliris harvizaĝa kaj malpura, kun la frenezaj vagantaj okuloj, ĉirkaŭitaj per terkoloraj rondoj, klare videblaj sur lia malsane verda haŭto. Oni asertas, ke li similis frenezan lemuron, se entute lemuroj povas freneziĝi.

Lin oni lokis en psikiatrian klinikon, per kemia terapio iel-tiel reordigis menson. Sed, laŭ mi, li ĝis nun restis freneza. Ja ĝis nun iuj traktas lian rakonton kiel deliron de maniulo. Ja li unusola savis sin el la tuta garnizono kaj longe vagadis tra la ĝangalo. Tamen kiu povas scii... Ja li sola savis sin el la tuta garnizono…

Mi ial kredas ĉi rakonton. Kaj tuj imagas min kun Deniza. Teruro plenigas min. Kvazaŭ ĝuste al mi okazis ĉio ĉi, kaj estis mi, kiu vagis tra la humida, nebuloza arbaro, sed Deniza por ĉiam restis tie... en mallumo. Blankaj ĉapeloj de fungoj antaŭ la okuloj kaj tuŝado de humida aranereto al la vizaĝo, sed la manoj ne estas videblaj. Io ombrosimila jen kovras fungon, jen malkovras. Tio estas mia mano. Nenio krome videblas.

Tiam mi ĵuris al mi, ke neniam permesos kopii Denizan je la molekula karto. Neniam!

Kaj estas bone, ke ĉio okazis tiel. Mi memoros ŝin ĝuste tia, kiel en tiu nokto, sur la plaĝo. Ŝi staris sur la genuoj antaŭ kaveto, en kiu brulis eta fajro, kvazaŭ preĝante al iu nekonata dio. Longa nigra ombro ŝia etendiĝis laŭ la purpura sablo al la malhelega oceano.

Sed mi memoros ŝin ĝuste tia... Ĉio alia ne gravas. Tutegale jam nenio estas ŝanĝebla. Kial tio devis okazi ĝuste al mi? Mi estis tiom certa, ke preterpasos min ĉiuj malfeliĉoj. Kiel tio okazis, kiam, kie? Scii aŭ ne scii – tute egalas, se nenio ŝanĝeblas. Kiom da tempo disponigis al mi la sorto? Ja ne eblas tiel kuŝi kaj pensi, pensi... Tio tro turmentas. Necesus iel alie... Sed kial mi estas tiom certa, ke mi nepre mortos, kial mi tiom ĝuste scias tion? Ja estis precedencoj... Eble mi havas ne danĝeran formon?.. Sed sufiĉe! Nenio tiom disŝiras la koron, kiel vana espero.

*La 3-a de aŭgusto. Kabineto de kuracistoj.*

– Kion vi opinias pri lia hodiaŭa stato? – La ĉefkuracisto aspektis rejuniĝinta. La cindrogriza hararo estis kurte kaj akurate tondita. Diligente razitaj vangoj eĉ iom ruĝetis.

– Almenaŭ la via estas por li neatingebla, – mokis Tavolsky, helpante al la estro surmeti halaton.

– Lasu, kolego! Ĉu aperis iuj ŝanĝoj al pliboniĝo?

– La radiaktiveco de sera natrio evidentiĝis pli malalta, ol oni povis supozi.

– Ne tro esperu tion. – La ĉefkuracisto mansvingis kaj laŭ sia kutimo grumbleme etendis la lipon. – Ne esperu. Tio dume nenion pruvas. Tute nenion... Kion pri la sango hodiaŭ?

Tavolsky etendis siringkoloran formularon.

– Do... Limfocitoj, eritrocitoj... – Lia voĉo poiomete silentiĝis, kaj fine li jam tute ne aŭdeble balbutis kaj balanciĝis, kvazaŭ preĝante. – Trombocitoj, eritrocitoj... – Subite li suprenĵetis la kapon kaj akre diris: – Deflankiĝo de la normo estas ne tre serioza. Sed ankaŭ tio nenion pruvas. Suaspeca kontraŭagado de la organismo. Bedaŭrinde, tiu stato baldaŭ ŝanĝiĝos... Ĉu vi mezuris la tempon de koaguliĝo?

Tavolsky kapjesis.

– Bone. Daŭrigu. Kion pri la mjelo?

– La punkcion, kiel vi scias, oni efektivigis antaŭhieraŭ... La rezulto estas sufiĉe necerta. Verŝajne, ankaŭ ĉi tie ni bezonas ioman tempon...

– Jes, jes, certe. Tuj post kiam komenciĝos negativaj ŝanĝoj, komencu

transfuzon de la sango. Injektu en la sangon dudek miligramojn da tiaminĥlorido kaj kvincent mil unuojn da kiparino. Kaj necesas apliki ĉiujn rimedojn kontraŭ eventuala infekto.

– Kion pri transplantado de la medolo?

– Dume prokrastu. Necesas evidentigi centrojn de la danĝero... Ja ĝis nun ni ne scias la kvanton de rentgenaj ekvivalentoj. Verŝajne, la stomak-intesta stadio de la malsano proksimiĝas al la akuta fazo. Necesas atenti. Tamen estas interese, ĉu tuŝis la malsano lian ventron?..

– Cowen alvenos postmorgaŭ.

– Jes, jes, bonege... Tamen provu unuavice determini, ĉu estas lezita la ventro. Kaj ĝenerale atentu lian stomakon.

Tavolski tiris la ŝultrojn.

– Baldaŭ estos la deka. Ni iru al la malsanuloj, – diris li, irante al lavtablo.

*La 3-a de aŭgusto 19**. Mateno. Temperaturo – 37,2. Pulso – 76. Sangopremo – 130/80*

– Bonan matenon, Allan. Kiel vi dormis nokte?

– Dankon. Mi longe ne sukcesis endormiĝi. Diversaj pensoj... Sed dormis mi bone.

– Vi devas multe dormi. Dormigilon vespere, – diris Tavolsky, turninte sin al flegistino. – Mi alportis al vi la promesitan sciencfikciaĵon. Novelaron. Do, nun ni ekzamenu vin.

La flegistino zorgeme levetis la litkovrilon. Barton kuntiretis sin kaj forturniĝis al la fenestro.

Tavolsky skrupule ekzamenis lian ventron, tuŝetante la haŭton per siaj longaj, malvarmaj fingroj. Ili estis flavaj pro nikotino, ĉar la doktoro fumis cigaredojn sen filtriloj kaj kutime preskaŭ ĝisfine. Li longe kaj atente rigardis la teneran rozkoloran makulon tie, kie finiĝis la linio de la sunbruniĝo...

Poste li ĉirkaŭstrekis ĝin per ungo kaj demandis:

– Ĉu doloras ĉi tie?

– Ne, – respondis Barton. Li sentis malvarmon. Sur la haŭto aperis etaj frostosignoj. Li penis ne rigardi la flegistinon.

Tavolsky tuŝis la makulon per iu brila instrumento. La tuŝo de la malvarma metalo provokis tremeton.

– Do. Ĉio tute ordas. Mi estas kontenta pri vi, Allan. Legu vian sciencfikciaĵon. Mi abomenas ĝin. Baldaŭ ni renkontiĝos denove.

La flegistino kovris Bartonon-on. Sed li ankoraŭ longe ne povis varmiĝi kaj forpeli internan tremon...

Li prenis la libron.

"– Hola-a! Bonvenon, bonvenon! – diris Devis, ekvidinte Piter Baykeron, kaj flustris ion al la razito. – Kiel mi povas servi al la sinjoro de mia karega fratino? – Li leviĝis desur la malnova ĝardena fotelo, senkoloriĝinta pro malbona vetero, kaj premis dikan, humidan manplaton de Piter.

– Ellen petis pulvoron kontraŭ cimoj, ja vi promesis, – rapideme diris Bayker, kvazaŭ timante ricevi rifuzon.

La bofrato manplaŭdis.

– Jen, – diris li, alparolante la raziton, – jen tipa ulo de la mikrokosmo. Li invadas la makrosistemon kaj postulas bezonaĵojn. Li kraĉas sur majestaĵojn, pasantajn antaŭ liaj okuloj.

La razito ĝenite ridetis, ektusis kaj apenaŭ rimarkeble kapjesis.

Piter eksentis sopiron. Mikrokosmo, makrosistemo... Li emis diri, ke li tute ne intencis kraĉi sur majestaĵojn. Sed li ne komprenis, pri kio temis, kaj eble ĝuste tiu majestaĵo estis kraĉinda.

– Ne koleru, kara parenco, mi ŝercas, – diris Devis, – tamen vi devas atendi. Kompreneble, tio iom prokrastos la pere-horon de viaj cimoj, sed finfine, en ĉi mondo iu konstante malgajnas.

Piter kapjesis kaj sidiĝis sur la faldeblan seĝeton. Li enspiris freŝan aeron kaj, dolĉe duonferminte la okulojn, rigardis la ĉielon. Ĝi estis senfunda kaj mirinda. Malgrandaj teneraj nubetoj postkuris unu la alian, diligente flankenlasante la brilantan sunan okulon.

-... de suno, – ekaŭdis Piter la saltantan voĉon de la bofrato. – Do, tio estas, verŝajne, la plej perfekta procezmodelo, kiu estis farita de homo. – Devis pikis perfingre noktolampon, kiu staris sur la vilaa tableto. – La plej interesa estas, ke la perfekta... Ĉu vi komprenas, kion mi subkomprenas per ĉi tiu vorto?.. Do, la perfekta modelo havas senperan kontakton kun la modelata sistemo. Ĉu vi komprenas?

La razulo levis siajn brovojn kaj melankolie diris:

– Ĝuste tio konsternas min.

– Tamen malgraŭ tio ĝi estas fakto, – firme diris Devis. Li ridetante rigardis la kunparolanton. – Ĉi tie estas enmetita suno, la obeema taglaboristo de Aŭroro. Kompreneble, kelkoble pli miniatura... Tamen ĉio cetera estas normo, inkluzive ankaŭ temperaturon.

Devis karesmove klaketis la duone travideblan cilindron.

– Kaj la plej grava – la senpera komuniko kun la baza volumeno, – ripetis li.

– Je-es, – murmuris la razitkapa ulo.

Ili iom silentis.

– Do, bone, – rememoris la bofrato. – Ni revenu al la mikromondo. Tuj

mi trovos la pulvoron. Se vi deziras akompani min... mi ankoraŭ rakontos ion al vi...”

Barton enmetis fingron en la libron kaj fermis la okulojn. Li malrapide enspiris kaj ankoraŭ pli malrapide elspiris – je tri taktoj. Kaj tiamaniere kelkfoje. Poste li ekkantis preminte la lipojn. La siaspeca lukto kontraŭ naŭzo. Kiam venis ioma pliboniĝo, li denove eklegis.

“La bofrato kaj la razito foriris. Piter restis sola. Li ordigis sian ĉapelon kaj kun intereso rigardis la ujon, kiu staris sur la tablo. Peco de tubo el nekonata plasto, desupre kaj desube kronita per malhelaj kovriloj kun aro da diverskoloraj dratetoj izolitaj per lako. En ĝia duone diafana profundo Piter sukcesis ekvidi etan fajreron.

“Ĉu ĝuste ĝi estas modelo de suno?” – pensis li, sidiĝante pli proksimen.

Kelkajn minutojn li observis modestaspektan lumadon, kiun estis eliĝanta la fajrero, kaj pensis: “Ĉu ĉi tiun aĉaĵeton li nomas “suno”? Kia impertinentulo estas tiu Devis, jen kion mi diru!”

Subite io allogis lian rigardon. Iu apenaŭ rimarkebla moviĝo en la cilindro, kvazaŭ la fajrero ekbrilus pli lume. Piter atente rigardis, kaj ŝajnis al li, ke la fajrero komencis ŝveli kaj pligrandiĝi. Komence dimensie je grajno, poste – pizero, poste – monero... Ĝi kreskis, kiel blovbalono.

La timigita Piter Bayker kaptis sian ĉapelon kaj kovris la cilindron.

En la unua momento li eĉ ne komprenis kio okazis. Poste skuiĝis. Pezega inkodensa mallumo inundis la parkon. Al la tero subite falis mallumego. Sur la nigra ĉielo aperis brilaj steloj. La domo, herbo, arboj, flirtantaj papilioj – ĉio solviĝis en ondoj de la subite venita nokto.

Piter konsterniĝis pro timego. Li sidis haltiginte la spiradon kaj ne povis sin movi.

Per certa parto de la konscikapablo, kiu ne konfuziĝis, li diligente kaj seke fiksis ĉiujn detalojn de la katastrofo. Lin konsternis, ke la veninta nokto estis mirinde netravidebla. Tiu nigro, denso, kiu konjekteblis, sed ne vidiĝis ĉirkaŭ li, havis strangan verdan nuancon, kvazaŭ en akvario oni ŝaltis malfortan lampeton...

– Ho idioto, idioto! – Piter ekaŭdis la voĉon de la bofrato kaj bruon de liaj rapidemaj paŝoj.

Io falis al liaj piedoj, kaj terura blindiga lumo, simila al eksplodo, frapis liajn okulojn. Al la Tero oni revenigis tagon. Per la tremantaj manoj Piter Bayker levis sian verdan ĉapelon...”

*La 4-a de aŭgusto 19**. Nokto. Temperaturo – 37,5. Pulso – 90. Sangopremo – 140/85*

Mi ne povas kompreni, ĉu plaĉas al mi la rakonto, ĉu ne. Plej verŝajne ĝi maltrankviligas, alarmas min. La ideon pri la tutunuiĝo la aŭtoro transformis ĉi tie ĝis absurdo. Sed la unuan fojon tiu ideo ricevis konkretan, filistran efektivigon. Tio estas jam ne mistika deliraĵo de egiptia pastro aŭ mezepoka alĥemiisto kaj ne abstraktaj matematikaj formuloj de iu libra teoriulo el Berkeley. Mi memoras unu fragmenton el Ramakriŝna:

"La universo malheliĝis. Malaperis la spaco mem. Komence pensojombroj ŝanceliĝis sur nigraj ondoj de mia konscio. Nur malforta konscio de mia mio reeĥis monotone... Ankaŭ ĝi malaperis baldaŭ. Restis nur ekzisto. Ajna duobleco malaperis. La spaco fina kaj la spaco senfina unuiĝis". Jen! "La spaco fina kaj la spaco senfina unuiĝis". Duonfreneza-duonaŭgura preĝo, nekomprenebla balbutado, fulme prilumita deliraĵo de orakolo. La ideo pri tiu unuiĝo, espero pri tiu harmonio neniam lasis la homaron.

Serpento, voranta sian propran voston, – la plej saĝa el inter alĥemiaj simboloj. Ie interkontaktas senfinecoj, ie la granda transformiĝas al la malgranda, kaj frenezaĵo transformiĝas al normala senco.

Do, kial okazis, ke mi aperis ĉi tie? Mi, kiu ĉion scias kaj ĉion komprenas, subite komencis labori por morto. Kiam tio okazis? Kie situis tiu ne rimarkita de mi vojsigno, kiu la lastan fojon avertis min pri la danĝero?

Jen venis kvito – la blanka morto. Nun mi estas kondamnita serĉi eksplikon de la propra dekadenco. Tio estas mia propra infero sur la tero. Ĝi malfermiĝis antaŭ mi pli frue, ol mi aperus antaŭ Oziriso, kiu pesas per apotekaj pesiloj ĉiujn niajn pekojn kun precizeco ĝis la deka signo post komo.

Iam ĝuste tiel estis mortanta Louis Slotin, la juna kaj bela geniulo, kiu propramane muntis en Los-Alamoso la unuan bombon. Sesdek tri fojojn li bonfine kunigis kaj distiris uraniajn pecojn, determinante la krizan mason. La sesdek kvaran komenciĝis ĉena reakcio. Li disĵetis la blokojn kaj haltigis la procezon. Ĉiuj estis savitaj, sed li mortis. Ec lia ora dento iĝis fonto de la refoja radiado, kaj sur la lipo aperis brulvundo.

Li mortadis malfacile kaj kuraĝe. Mi volus scii pri kio pensis li, homo muntinta la unuan bombon. Kiom rapidis ili tiam, kiom strebis superi faŝistojn! Sed la bombon posedis ne ili. Do, pri kio li pensis dum siaj lastaj minutoj? Pri kio?

Ŝajnas al mi, mi povus kompreni tion, se estus korektebla tiu aĉa ĉeno de la kompromisoj kaj negocoj kun mia propra animo, kiu venigis min ĉi tien. Li, Slotin estis heroo, sed kio estas mi?

Kio estas mi? Kio estas ni? De kie? Kion ni celas?

Ankaŭ Deniza perfidis min kaj sin. Kiam mi subskribis la kontrakton, ŝi ne demandis, kien kaj por kio mi forveturas. Ŝi ne demandis, ĉar sciis, kon-

jektis, antaŭsentis. Sed la morto, same kiel milito, nuligas ĉiujn pekojn. Malantaŭ tiu nigra pordo ne plu ekzistas fieco, perfido aŭ krimo.

Kial mi tiom sopiras kaj maltrankviliĝas? Kial? Kaj Deniza eĉ ne scias, kiom malbone mi sentas min ĉi tie.

Senbrue alsidiĝis la doktoro. Li kredas, ke mi dormas. Zorgeme li palpas mian pulson, apenaŭ aŭdeble flustrante: "Unu, du, tri, kvar, kvin..."

Unu, du, tri, kvar, kvin... Mi kalkulas falantajn stelojn. La aŭgusta stelfalado. Fajraj streketoj en la nokta ĉielo.

"Naŭdek, naŭdek unu, naŭdek du..." – La doktoro lasis mian pojnon.

Naŭdek du. Verŝajne, iom plialtiĝis la temperaturo. Kial tiom afliktas noktoj? Mateno alpoltas malvarmon kaj trankvilon, per malbunta lumo priaŭroras ĉiujn embarasojn, dishakas ĉiujn komplikajn nodojn. Venu la mateno pli rapide. Mi ĉiam bone endormiĝas frumatene. Kaj dormas trankvile kaj profunde.

*La 5-a de aŭgusto 19**. Mateno. Temperaturo – 37,3. Pulso – 84. Sangopremo – 135/85*

La potenco de niaj sonĝoj super ni estas simple mirinda! Mi sonĝis Denizan, kaj la impreso restis dolora, akra, pli forta ol en realeco. Iam delonge mi sonĝis lazurajn virinojn, kaj mi longe ne povis forgesi ilin poste.

Sonĝoj, same kiel vera arto, havas siaspecan konvenciecon. Ĉiu homo iĝas en sonĝoj ne nur spektanto kaj partoprenanto, sed neatendite por si ankaŭ scenaristo, reĝisoro kaj operatoro. Iujn sonĝojn ni memoras la tutan vivon, kvazaŭ belajn filmojn. Naskitaj en ni ili vivas poste memstare. Ĉi tie evidentiĝas karakteriza por ni emo al unueco, pli precize – al celdirekta harmonio. La harmonia unueco de formo kaj enhavo estas suno sur la horizonto de arto. La tutan mian mallongan vivon mi serĉis harmonion de la fizika mondo. En kaoso de diseriĝo kaj interagado, en steloj de galaksioj kaj transmutaciaj paradoksoj mi vidis firmajn kaj severajn formojn de la teorio, kiu povas ekspliki ĉion.

Mi memoras, ke ankoraŭ en la universitato iu proponis al ni amuzan enketon. Oni devis kontraŭ la nomo de ĉiu elementa partiklo indiki koloron, kiu laŭ nia fantazio apartenus al ĝi. Kaj tion devis fari ni, pli bone ol aliaj sciantaj, ke la partikloj ne povas havi koloron, same kiel formon aŭ trajektorion. Tamen, jen vere inda enigmo por psikologoj – sepdek procentoj de la partoprenintoj skribis apud protono "ruĝa". Ankaŭ mi skribis "ruĝa". Mi ĝis nun ne komprenas la kialon.

Tio estis mia mondo, kaj ĉiun ties anon mi konis ĉi tie "persone". Nun mi mortas, trakudrita per torento de la partikloj, ĝuste per tiu torento, kies

ĉiu ero havis sian propran koloron en mia menso.

Do, kial tio okazis, ke provante ekspliki ĉiujn kialecojn de la mikromondo, mi ne rimarkis la plej simplan kaŭzo-sekvan ligon? Mi semis dentojn de drako, ne meditante pri la rikolto.

Tio estas preskaŭ ne klarigebla, sed la spertulo pri hindia mistiko, scianta kompreneble la Karmo-doktrinon, eĉ por unu minuto ne enpensiĝis pri eventualaj postsekvoj de siaj propraj agoj. Al kiu kaj kiamaniere mi vendis mian animon?

Kial, subskribante la kontrakton, mi ne rememoris almenaŭ pri la piloto-frenezulo?

La esenco estas ĝuste tio, ke en ĉi historio simple ne ekzistas momentoj, kiujn eblus nomi "perfido". Simple estis nerimarkebla evolucio al memtrankviligo kaj "korsereniĝo". Ne sufiĉas, sciante pri la molekulaj kopioj, malpermesi kopii sian fianĉinon. Necesas krii pri tio sur ĉiuj stratanguloj aŭ kapti mitraleton kun la specialaj kugloj. Ne sufiĉas fideleco. Ne sufiĉas simpla nepartopreno, necesas rezisti. Tiu, kiu rezistas, eĉ havante deziron ne sukcesos trafi en nian sekretan esplorcentron. Li havos por tio tro malbonan reputacion. Sed mi havis bonan reputacion...

Fakte mi simple vendis min kontraŭ certa sumo. Ne nur min, sed ankaŭ tri jarojn de nia kuna vivo kun Deniza. Ĉiuj miaj pensoj, ĉiuj pentoj estas simple plendo de kartludanto, kiu spertis fiaskon. Mi vetumis sur la verdan tablon de ruleto mian vivon. La globeto haltis sur "zero", kaj la krupiero gajnis la tuton. Do, adiaŭ, la ruleto, similanta ciklotronon. Adiaŭ, ankaŭ la ciklotrono, kun celtabuloj el la ora metalfolio. Nun mi mem iĝis celtabulo, bremsinta aron da tre altenergiaj partikloj. Laŭ vidpunkto de ĥemiisto tio estas detruado de koloida albuminsolvaĵo en akvo. La procezo detruas nur unu molekulon el dekmil, sed tio tute sufiĉas. Estas io simbola en tio, ke mi mortas ĝuste antaŭ la jubileo de la unua atoma elprovo. Cetere, ĉiun hazardon eblas interligi kun io ajn.

Malfermiĝas la pordo, komenciĝas kontrolado. Mi devas ĝojigi Tavolsky per bona humoro kaj optimisma traktado de la vivo.

***Elrusigis Svetlana Pogorelaja (Ukrainio)***
***kaj Ruslan Mavljudov (Kazaĥio)***

(daŭrigota)

# LA 6-A LINGVA FESTIVALO EN KALUGA



La 15-an de aprilo 2017 en la urbo Kaluga okazis vica lingva festivalo. Kiel sekvas el la programo, la festivalon organizis la administracio pri edukado de la urbo Kaluga, Moskva Esperanta Asocio MASI, Resursa centro pri laboro kun talentaj infanoj "Stelaro", mezlernejo № 5. La festivalo celas lernejanojn. Antaŭ 6 jaroj ĝi estis lanĉita iniciate kaj helpe de la Moskva Esperanta Asocio MASI, kaj tradicie ankaŭ ĉi-foje de Moskvo venis brava teamo de prelegantoj. Specialeco de la ĉi-jara delegitaro estis ĝia juneco, tre kongrua al la aranĝo por lernejanoj.

En la sespersona moskva grupo tri instruantoj estis esperantistoj. Ili ĉiuj rakontis pri artefaritaj lingvoj. Unu el la tri prelegoj de Kuzjma Smirnov estis dediĉita al la klingona lingvo, Oljga Piĉuĵkina rakontis pri "tokipona" kaj Pjotr Fedosov prezentis Esperanton. La 12-jara liceano, Pjotr rapide iĝis sperta prezentanto: en Kaluga okazis lia jam la sesa publika elpaŝo.

Dum la Solena malfermo la festivalon bonvenigis la fakestro de la urba eduk-administracio s-ino Jelena Zinovjeva kaj la direktoro de lernejo s-ro Zelenov. Sekvis parado de la lingvoprezentantoj. Al siaj klasĉambroj invitis prezentantoj de 17 lingvoj, 3 prelegoj kaj 4 praktikoj. Pjotr Fedosov salutis la festivalon de la nomo de MEA MASI kaj anoncis sian prelegon pri Esperanto. Malgraŭ impona konkurado, en lian klason venis pli ol 15 geknaboj.

La festivalon vizitis pli ol 300 spektantoj. Ĝi daŭris tri horojn kaj finiĝis per internacia koncerto kaj Solena fermo, la programkontribuintoj ricevis diplomojn. Multe da novaj scioj kaj agrablaj emocioj, multe da entuziasmo por partopreni denove!



***Irina Gonĉarova, Direktoro de Moskva Lingva Festivalo***

# ESPERANTO-POŜTKRUCIĜO revivigita!

***MEA MASI refunkciigis la internacian aktivadon Esperanto-Poŝtkruciĝo!***

En 2013 ĉi distraĵon lanĉis Julija Samsonova okaze de la Internacia Tago de Poŝto (la 9-an de oktobro). La ago elvokis internacian intereson kaj eĉ trafis en la revuon "Esperanto" kiel nova junulara iniciato. Sed la aktivado estis porokaza, do rapide estingiĝis. Tamen ekde tiam nin persekutis la ideo revivigi ĝin kiel konstantan esperantistan aktivadon. Kaj jen feliĉe aliĝis al niaj vicoj nova MASI-ano, la ĵusa FaRo-kursfininto Jurij Smirnov, kun kiu ni sukcesis dum du semajnoj tutplene fari la projekton.

Pri kio do temas? Pri totala perhelikpoŝta interŝanĝo de bildkartoj, mane surskribitaj en Esperanto. Ĉu ne estas bona ideo sendadi belajn bildkartojn al engaĝitaj esperantistoj, hazarde elektitaj de aŭtomata sistemo? Ĉu ne estas agrable surpriziĝi trovinte en sia poŝtkesto surkartajn salutojn en Esperanto de nekonataj samlingvanoj el ajnaj landoj kaj regionoj? Ni kredas, ke troviĝos multaj dezirantoj partopreni tiun amiksentan poŝtludon!

Eble, vi aŭ iu el viaj E-gelernantoj estas tia homo? Tiam ne prokrastu - aliĝu tuj! Venu al la paĝaro <bildkarto.weebly.com> kaj plenigu tre simplan aliĝilon. Vi TUJ ricevos elektronikpoŝte ies adreson! Elektu en papervendejo bildkarton, surskribu ĝin kaj sendu en la poŝtejo. Kaj atendu surprizojn en via poŝtkesto! Ĝuu belecon de la bildkartoj kaj amikemon de esperantistoj el la tuta mondo!

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de MEA MASI***

